FEBRUARO 1934 Aperas dekfoje dum la jaro DUA NUMERO




Literatura • arta • ilustrita • revuo

Redakcio kaj administracio: Hungarujo, Budapest, IX., Mester ucca 53, V. 5

**Abonprezo por jaro: 9·–, duonjaro: 5·–, unu ekz.: 1·– svisaj frankoj, specimeno: 1 resp. kupono**

**Averto:** Manuskriptojn la redakcio ne redonas. La rajton, fari en ĉiu ensendita manuskripto stilajn korektojn la redakcio rezervas por si, se la verkinto aŭ tradukinto anticipe ne protestas.
La redakcio akceptas nur unuflanke maŝinskribitajn artikolojn kun sufiĉe larĝaj marĝeno kaj liniaj interspacoj. Escepte tamen estas akceptataj manuskriptoj kun *desegnitaj* aŭ tre klare skribitaj literoj.

# Annika Vivika

— Karl-Erik Forsslund —

Kiam Annika Vivika eliris el la pordego, la avino de Annika Vivika eligis sian grizan kapon tra unu el la du stratfenestroj de la same griza ligna domaĉo kaj kriis:

— Annika Vivika, venu!

Annika Vivika sin turnis kaj aliris al la fenestro.

— Memoru tion, sentaŭgulino, diris nun la avino de Annika Vivika pli mallaŭte, ke, se vi renkontos Holmberg, vi riverencu kaj estu bonmora, kaj ne ridu maldece sed koketu kaj estu bonmaniera kaj bela, vi scias ja, kio estas riskata. Metu la ĉapelon oblikve — ho, kiam mi sukcesos mi eduki vin, sentaŭgulino; jes, tiel. Nun vi povas foriri, kaj ne ridu maldece, mi admonas vin, pripensu la malriĉulejon kaj ne forgesu.

Annika Vivika aŭdigis trilantan ridon kaj forflugis tra la strato.

Sed la maljunulino daŭrigis sian paroladon al si mem, dum ŝi fermis la fenestron.

— Bela li ne estas, ŝi diris, li ne havas la gajan irmanieron de senhejmulo kaj ne povas rakonti fabelojn. Sed li havas verdkoloran domon kaj grandan vendejon kaj monŝrankon, kiu certe ne estas malplena. Kaj se estas vere, ke li ekamis Annika Vivika kaj ke lia amo estas sincera, tiaokaze mi ne kontraŭstaros. Senzorgan ridon ŝi havas, la junulino — trilantan birdridon. Povus ja iutage veni senhejma birdo, birdo, kiu nur preterflugas. Estus bone, se ŝi ekhavus loĝejon nun, antaŭ ol tia birdo venos. Por ke ne la sama okazu, kio okazis al ŝia patrino kaj al ŝia avino, hoho!

Post kiam ŝi finis sian paroladon per tiu ĉi ekĝemo, ŝi ree sidiĝis antaŭ la puntofarilo ĉe la fenestro, forpelis ĉiujn pensojn kaj igis la ŝpinilojn danci.

Estis nome tiel koncerne la avinon de Annika Vivika, ke iam ankaŭ ŝi estis juna. Tiam iutage venis juna viro irante tra la valo, vaganta violonisto. Li restis en la urbeto dum unu aŭ du tagoj, aŭ eble dum tuta jaro; ne estis facile memori, tiajn aferojn oni ja forgesas, kiam oni iĝas maljuna. Ĉiuokaze li ree foriris. Li ja deziris, ke ŝi sekvu lin, sed ŝi ja ne povis forlasi ĉion maljunan, kio bezonis sin hejme: la maljunulon kaj la maljunulinon kaj la katon, kaj la siringojn en la korto kaj la ĉambreton kun la verdaj fenestretoj. Li do foriris sola, kaj ŝi restis sola.

Unu memoraĵon li tamen postlasis — vivon, kiu kreskis, planton, kiu pligrandiĝis kaj iom post iom iĝis bela floro.

Ŝi, la avino de Annika Vivika, jam komencis maljuniĝi, sed estis al ŝi, kvazaŭ ŝi ankoraŭ havus sian junecon kaj denove vivus sian vivon en la ĝermanta florvivaĵo, kiu brilis kaj bonodoris en la suno fumanta tra la verdaj fenestretoj.

Jes, ŝi certe vivas sian vivon refoje. Ĉio denove okazas, de la komenco ĝis la fino, tute kiel muzikaĵo.

La rozburĝono ĝuste estis preta etendi siajn petalojn, kiam denove viro venis tra la valo — tiun ĉi fojon la viro estis pentristo. Ankaŭ li restis dum iom da tempo en la urbeto — la regiono estis bela, kun arbaro kaj lago kaj bluaj montoj. La urbeto kuŝis sur la lagobordo, la montoj staris ĉirkaŭe kvazaŭ altaj muroj, kaj la arbaro kreskis ĉiam pli granda sur ili, iufoje ĝi eble atingos la ĉielon, kaj la urbeto kuŝos tie profunde en la valo, kaŝita de la arbaro kaj barikadita tiom sekure, ke ĝi neniam plu povos sin liberigi.

Kaj ĉio ĉi, la urbeto kaj la lago kaj la montoj, kaj la maljunulino mem kaj ŝia floro, donis sian animon al li, kaj li metis ĝin en sian tornistron kaj ree foriris.

Sola ankaŭ li. La floro tamen, la floro restis — ŝi ne povis agi alie. Ŝi vivis senfortan vintron kaj forvelkis, kiam venis la printempo — ŝi certe ne povis agi alie ankaŭ nun.

Sed la avino de Annika Vivika ankaŭ tiun ĉi fojon havis memoraĵon — vivon, kiu kreskis, birdon, kiu ricevis katpovon kaj flugilojn. Kaj ree estis al ŝi, kvazaŭ ŝi rericevus sian junecon kaj denove vivus sian vivon.

Estis al ŝi nur kvazaŭ sonĝo, ke ŝi estas maljunulino elvivinta, kiu sidas en malalta ĉambreto puntofarante kaj murmurante la tutan tagon. Eble tio ne estas vera; eble estas ŝi, kiu nomiĝas Annika Vivika kaj kiu ĵus kun trilanta rido forflugis tra la strato kaj kun vibrantaj flugiloj sin ĵetis en la viglan ĝojkriantan vivon.

Estis printempo, oni tion sentis en la aero, kaj estis foiro en la urbeto.

Estis pepanta svarmo da hirundoj kaj alaŭdoj sub la ĉielo kaj ridanta svarmo da junaj homoj en stratoj kaj placoj. Komencis vesperiĝi, la suno malrapide proksimiĝis al la arbaro sur la okcidentaj montetoj, kaj ju pli ĝi malleviĝis, des pli ruĝe ĝi flamis, kaj des pli senbrida iĝis la bruega vivo tie sube en la urbeto sur la lagobordo.

Tie estis bruado kaj kriado, tie estis ebriaj kampuloj kaj panike kuregantaj ĉevaloj. Tie estis kampulaj servistinoj, kiuj iris dekope kun brako ĉirkaŭ brako, kaj servistoj, kiuj dancis solaj kaj rulfalis unu sur la alian en la stratoj. Tie estis brokantistoj kaj vaksfigurejoj, kaj pafejoj kaj karuseloj, kaj cirko en tendo kun multkoloraj afiŝoj ĉe la enirejo, kaj dudek gurdoj, kiuj plorpepis kaj kriegis por voĉe superi unu la alian.

Annika Vivika vagadas inter budoj kaj tendoj, kantetas kaj ridas en si mem pro ĉiu ĉi pompo kaj muziko. Ŝi jam admiris ĉiujn multkolorajn afiŝojn kaj pentraĵojn ĉe la budoj kaj tendoj, duone malsaniĝis ridante pri la cirkaj burleskuloj kaj fordonis sian lastan moneron en la karuselo; tiu absolute estis la plej rava: se oni fermis la okulojn, estis subite, kvazaŭ oni glitus antaŭen en ŝipo sur senfina, lulanta maro.

Nun ŝi komencas tediĝi de la bruo kaj volas hejmeniri, kiam ŝin subite haltigas iu, kiu stariĝas ĝuste antaŭe kaj baras la vojon. Ŝi ekrigardas. Li estas sinjoro Holmberg. Li rapide ĉirkaŭrigardas, kaj ĉar li ne vidas konatojn kaj cetere la krepusko pli kaj pli ĉirkaŭvolvas la foiran svarmon, li demetas la ĉapelon kaj salutas.

— Bonan vesperon, fraŭlino, li diras, kiel vi fartas?

Ŝi aŭdigas etan subridon pro lia »fraŭlino« kaj respondas mallonge: dankon, bone.

Li diras plue, tente flustrante:

— Ĉu vi ne emus promeni iomete — ekzemple al la okcidentaj montetoj? Ho jes?

— Ne, mi devas hejmeniri, mia avino atendas, respondas Annika Vivika.

— Ho, nur etan, etan promenadon, li petas. Estas tiom ĉarme promeni en la arbaro vespere, estas tiom agrable revi tie en la silento — precipe se oni estas duope. —

Ŝi ekhavas rideman mienon, li interpretas tion kiel bonan signon kaj ekiras. Ŝi iras silente ĉe lia flanko kaj aŭskultas lian babiladon. Li parolas pri tio ĉi kaj tio, pri ĉio kaj nenio. Nun li subite haltas.

## Ŝutfalego

— A. Puŝkin —

Frakasiĝante kontraŭ rok',
Ondegoj ŝaŭmas sub sufok'
Kaj supre sonas agla vok'
Tra la arbar',
Kaj per la pintoj brilas blok'
De l' monto-bar'.
De tie foje falis ŝton'
Tondrante kun obtuza son'
Kaj vojon en rokregion'
Ekbaris ĝi,
Kaj de Térek' potenca ond'
Ne fluis pli.
Konsumiĝinte, sen fier',
Jam ĉesis muĝi, vi, river';
Sed postaj ondoj en koler'
Trabatis for.
Inundis kun muĝad-sever'
Vi tra la bord'.
Kaj longe sur enroka val'
Nedegelinte kuŝis fal'
Kaj Térek kuris post batal'
Sub ĝia tru'
Kaj arkon akvis per vual'
De ŝaŭma flu'.
Kaj estis voj' sur ĉi glaci',
Ĉevaloj kuris tra voj-stri',
Kaj iris komercul' tra ĝi
Kun la kamel';
Eol' nun blovas tie ĉi
Sub la ĉiel'.

El la rusa: *E. Mihalski.*

## Dum frupintempo

— Aleks. Tolstoj —

Dum fruprintempo estis ĝi,
Kiam la herboj kreskis,
Torentoj fluis, kaj radi'
En boskoj pitoreskis.

Paŝtista fluto en maten'
Ankoraŭ ne sonoris,
Kaj en arbara denso, jen,
Filik' volute floris.

Dum fruprintempo estis ĝi
En ombro de betuloj;
Vi kun rideto antaŭ mi
Mallevis la okulojn.

Al mia amo je respond'
Vi ĝenrigardis teron;
Ho viv', arbar', ho suna ond',
Ho juno, ho esperoj!

Kaj mi ploradis antaŭ vi,
Vin rigardante, kara,
Dum fruprintempo estis ĝi
En ombro betulara.

Ĝi estis en maten' de l' jun'.
Feliĉo! Dolĉa ploro!
Arbar'! Ho viv'! Ho lum' de sun',
Betula freŝodoro!

El la rusa: *E. Mihalski.*

---

— Sed ĉu vi ne permesas, ke mi donu ion al vi — kiel etan memoraĵon — karamelon aŭ broĉon aŭ diru mem?

En la sama momento ili renkontas maljunulon kun tuta fasko da balonetoj je ŝnuro.

— Jes, donu al mi tian, ŝi diras kaj kaŝrigardas lin ridetante — sed ruĝa ĝi estu!

— Baloneton, li diras mirigita, infanan ludilon, ho ne?

— Nu, tiaokaze mi deziras nenion, ŝi respondas serioze. Kaj li aĉetas ruĝan baloneton kaj transdonas al ŝi la ŝnuron kun riverenca klino kaj afekta rideto.

Ili iras plue tra la stratoj. Finiĝas la urbo, kaj la arbaro komenciĝas. Ili iras supren sur la vojeto, kiu mallarĝe serpentumas inter la arboj supren al la plej-altaĵo — ŝi antaŭe kaj li proksime sekvante. Estas krepuske kaj silente sub la arkaĵoj de la arboj, aŭdiĝas nur obtuza murmuro el la urbo sube, kvazaŭ el akvofalo en profunda valo, kaj de tempo al tempo ekbrilas ora radieto de la sunsubiro inter la verdaĵo malproksime.

Ŝi aŭdas lin spiregi tie malantaŭe, kaj subite li diras:

— Annika Vivika, li diras. Stranga nomo. Kial vi nomiĝas tiel?

— Ĉar la nomo konvenas al mi, ŝi respondas. Cetere mi opinias, ke ĝi estas bela.

— Jes, ĝi estas tre bela, li diras konsente. Kaj kun pli mallaŭta voĉo: Ĉu mi povas nomi vin Annika Vivika?

— Se vi tion deziras, ŝi respondas.

La konversacio ree ĉesas. Ŝi iras ludante kun la baloneto, li profunde pensante. Nun li devas diri la vortojn, pli bonan okazon li ne povus ekhavi. Sed kiel? Ĝi devas esti io bela, io poeta — io pri la arbaro, pri la silento kaj la soleco kaj la sopiro kaj la melankolio de la vespero — kaj pri la suno kompreneble. Se ŝi nur komprenus tion? Ho jes la pentristo, ŝia patro, postlasis ja kelke da poemaj libroj, kaj laŭdire ŝi konas ilin parkere. Post kiam ŝi do komprenis — ĉu ŝi ridetos kaj ĉirkaŭbrakos lian kolon kaj lasos la baloneton libera en sia ĝojego? Verŝajne. Ŝi nur ne forgesu lasi la baloneton; ĝi kolerigas lin iomete, ĝi ne harmonias kun la situacio. Se necese, li reprenos ĝin, ŝi certe ne observos tion; ŝi ploros kaj parolos pri sia malriĉeco, kaj li konsolos ŝin kaj prezentos al ŝi sian tutan riĉecon, sian freŝe kolorŝmiritan domon, sian vendejon kaj ĉion alian. Tiam li ĝojos, ree aŭdante ŝin ridi kaj aŭdante ŝin diri . . .

— Sinjoro Holmberg, ĉu vi ŝatas biersupon?

Ŝi estas haltinta kaj staras turnita al li, la vortoj flugas rekte en lian vizaĝon. Li ne scias, ĉu ili estas ŝercaj aŭ seriozaj; ŝi diras ilin kun neŝanĝita mieno, trankvile renkontante lian rigardon. Li staras silenta en konsternita hezitado.

Tiam ŝi eksplodigas sian trilantan gajan ridon, svingas la baloneton en rapida kurbo super sia kapo kaj senbride kuregas supren sur la deklivaĵo. Ŝi havas helkoloran someran veston, ĝi flirtas kaj flugas ĉirkaŭ ŝi, ŝi estas kvazaŭ elfino aŭ driado, kiam ŝi forŝvebas tra la krepusko.

Li staras senmova kaj rigardas ŝin. Li hezitas, sentas preskaŭ kapturniĝon. Estas al li, kvazaŭ tiu rido ankoraŭ vibrus en la aero inter la arbokronoj. Sed li ree trankviliĝas, firme puŝas sian krudan ileksan bastonon kun arĝenta ornamo kontraŭ la tero kaj iras plue.

Kiam li surgrimpas la supron de la okcidentaj montetoj, ŝi kuŝas tie dorse en la amaso da vakciniujoj kun la brakoj sub la kapo. Ŝi moke palpebrumas al li, kaj nun la tuta rido estas en ŝiaj okuloj, tion li kaj aŭdas kaj vidas. Sed, je la diablo, kiom bela ŝi estas! La sane ruĝaj vangoj, la nuda kolo, sunbruna kaj belronda, la juna, firma brusto spireganta pro la kurado, kaj la talio kaj la koksoj! La sango ekfluegas en lian kapon, li sentas fortan emon sin jeti sur ŝin kaj sufoki ŝin per firmprema ĉirkaŭbrakado kaj kisi ĉiun colon de ŝia korpo — tiam ŝi duone sidiĝas, sin apogas sur la kubuto kaj rigardas lin per mokridantaj okuloj.

— Ĉu vi havas papereton kaj krajonon? ŝi demandas. Li elŝiras folion el sia notlibreto kaj donas ĝin al ŝi. Ŝi skribas malrapide, per grandaj desegnitaj literoj, sian nomon sur la papereton — Annika Vivika — alligas ĝin al la ŝnuro de la baloneto, lasas ĝin libera, sidiĝas kun la manoj kunigitaj sur la genuoj kaj rigardas la ruĝan globon, kiam ĝi leviĝas al la nuboj.

Poste ŝi parolas, unutone kaj ne rigardante lin.

— Flugu orienten, flugu okcidenten, flugu malproksimen, malproksimen, ŝi diras. Jen, tie sube, kie lumas la suno, tie sin etendas blua lando, hela kaj vasta kaj kovrita de bluaj kaj blankaj floroj. Tie loĝas homoj duope sub la klara ĉielo en blankaj domoj kun altaj, bluaj tegmentoj — ĉio estas blua kaj blanka en tiu lando. Sed ĉe ili iras sola viro, li ne ridetas kaj li ne havas domon, nek blankan, nek verdkoloran — sed li havas danceman irmanieron kaj paron da profundaj okuloj, kiam li rigardas orienten. — —

Ŝi eksilentas, kaj ili ambaŭ sekvas per la rigardo la balonet-on. Ĝi malleviĝis kaj ŝvebas nun super la arbaro same alte kiel la okcidentaj montetoj, ĝi estas kvazaŭ bela ruĝa birdo kontraŭ la orkolora fundo de la sunsubiro. Kaj iom post iom ĝi iĝas pli malgranda, dum ŝi daŭrige parolas kaj li silentas kvazaŭ en sonĝo. Li ne komprenas eĉ unu vorton, ŝiaj vortoj estas kvazaŭ fremda lingvo, aŭ kiel la sensenca babilado de frenezulo. Sed ŝia voĉo preskaŭ dormigas lin kaj devigas lin aŭskulti.

Kaj iutage en la printempo li ree staras rigardante orienten, ŝi diras, kaj tiam li ekvidas ruĝan birdon alproksimiĝantan el la orbrilaj nubetoj de la sunleviĝo. Li staras atendante, kaj post momento li vidas, ke ĝi ne estas birdo sed ŝvebanta ruĝa globo. Guste antaŭ liaj piedoj ĝi malleviĝas sur la teron — je la ŝnuro estas papereto alligita, li prenas ĝin kaj legas, Annika Vivika, li diras duonvoĉe kaj demande; tiujn vortojn li neniam antaŭe aŭdis, la lingvon kun tiaj sonoj li ne konas. Annika Vivika, li ree diras, nun pli laŭte — tio devas esti nomo, virina nomo. Kie floras la lando, kie la virinoj havas tiajn nomojn? Kaj kie la virinoj estas tiaj — ĉar estaĵo kun tia nomo kompreneble estas mirige bela. Annika Vivika, Annika Vivika! li aŭdas kiel kanton, tage kaj nokte, en ŝi kaj ĉirkaŭ si, la aero kaj la floroj kaj la tuta blua lando kantas ĝin al li. Kaj iutage li diras adiaŭ al la blankaj domoj kaj foriras — iras orienten, kun la papereto en tiu poŝo, kiu estas plej proksima al lia koro, kaj ritme marŝante laŭ la taktoj de kanto — kanto kun nur du vortoj, kiuj tintas ree kaj ree, Annika Vivika, Annika Vivika! Longa estos la marŝado, tra landoj kaj maroj, tra dezertoj kaj grandaj arbaroj. Sed iufoje. — — —

Ŝi ree silentiĝas kaj ekleviĝas. Jen! Ŝi ekkrias montrante okcidenten. La baloneto estas videbla kiel eta malluma punkto plej malproksime super la plej blua montodorso. Restas de la sunsubiro nur mallarĝa lumanta strio inter grizaj nuboj, kaj en tiun strion ŝvebas la malluma punkto, fandiĝas kaj malaperas.

En la sama momento la nuboj kuniĝas antaŭ la orbrila strio, kaj estas nokto.



J. Obrovsky *Stonminejo*

## La Ora Mezo

— Brian Price Heywood —

Feliĉa, ĝoja, gaja mi:
Mi staras kvazaŭ cikoni'
Tutsupre de la vivtegmento.
Kaj forrigardas kun aplomb'
Tra dornarbaro, marĉo, tomb',
Glatigas plumojn sen timsento.

Plezursekreton trovis mi:
Ne plu min belas ambici'
Al trolaŭdata konateco.
Nek strebas al la pleja flug'
De l' amekzalto: plaĉas jug';
Min kontentigas ora mezo.

Romanoj, dramoj trompas nin,
Dirante, ke l' plej gusta vin'
Troviĝas en botelo kara:
Aroma, dolĉ-acerba brul'.
Juvelkoloroj por okul'
Min logas el — pokal' vulgara.

Pomp' pufa, gloro, vanta tro' —
Bobelon pinglu! for hero'!
Ni ĝuu ĉiun vivsekundon.
Amikojn famajn havu ne,
Sed vibran sanon — jen ale'
Tra l' lum': Ni kantu ĝojabundon!

## Ragnarok

— Brian Price Heywood —

La mondo luktas kun si laokone,
Stertoras tra siaj sango-ŝprucoj drone,
Tra sang-vual' sin vidas, vivonaŭza,
Kaj batas sin kun batalem' senpaŭza,
Kaj tordas sian karnon blu-kontuze;
Jen ruktas gorĝ', okuloj larmas puse
En mortdolor'; okuloj iam klaraj,
Sangronkas la' naztruoj nun senflaraj . . .
Ho mondo iam bela, altstatura,
Kapabla trafi ĉion per la nura
Ekvolo, beljunulo orharara,
Muskolgracia, kun okul' blumara,
Kun torenttrila rid', kun spir' aroma —
Vi nun fariĝis monstro muko-voma,
Vi kadukiĝis, perdis la vivvolon,
Elsuĉis jam el vivo la medolon;
La junnaiva vervo, vigla ĝojo
Forvelkis kvazaŭ apud flam' levkojo.
Ankoraŭ plumbajn jarojn da turmento
Vi trabaraktos malgraŭ plora pento;
Ne savos vin plu preĝoj al la dioj,
Kiujn vi malobeis, nek ĝemkrioj:
Vi devos morti orfe, malrapide,
Fruntadi viajn krimojn vid-al-vide.
La prafabelo pri l' diar-krepusko
Veriĝos — falis Uro, Kuzko,
Kaj mil potencoj de l' antikva mondo —
Nun venis via vic' por la pritondo,
Eŭropo trimiljara, pekrompita!
Ne svingu brakojn en angoro ŝvita,
Ne kriu, aŭ vi eble tuj sufokos
La spiron lastan — kaj najbaroj mokos
Pri l' morto fia de la superbela
Juvelkronita princo, kiu ĵetis
La benojn for, kaj kun diablo vetis,
Ke li la Universon povos logi
En Inferon. Tempo por mensogi
Forpasis. Ho Eŭropo, mi bedaŭras,
Ke vi, iame nobla, kote kaŭras
Pro l' troa emo al plezuro mona
Kaj al milit' vultura. Febre sonas
Plorgluta via fin' . . .

## Kontrastoj

— Brian Price Heywood —

Ekstere vipas vitrojn hajlopluvo;
Drivventoj dentojn per akraĉa skrapa bru' agacas:
Endome kuŝas mi en la bankuvo;
En varma, mola mar' korlula lukse, lace pacas.
Ekstere jen novembro tim-panika
Hurladas kvazaŭ lupoj tra ebeno siberia:
Endome grasa spir' tropik-afrika
Narkotas min; mi flosas for en stato amfibia.

---

Ili staras silentaj, kvazaŭ paralizitaj. Subite ŝi ree ekkrias — sed nur unu fojon, unu fojon! — kun laŭta, kantanta voĉo — levas pasie la brakojn kontraŭ la ĉielo, sin klinas ma'antaŭen, kvazaŭ ŝi vo'us ĉirkaŭbraki la nokton kaj la ĉielon kaj ĉion — kaj kuregas subite malsupren sur la deklivo, tra la arbaro.

Li denove staras senmova, sekvante ŝin per la rigardo. Ŝi estas kvazaŭ blanka fantomo. Nun ŝi estas apenaŭ videbla — kaj malaperas en la mallumon.

Li malrapide sekvas. Li ne povas ordigi siajn pensojn, sentas sin ekscitita kaj malbonhumora, pri ŝi, pri si mem, pri ĉio.

La freŝa noktaero tamen post nelonge ree vigligas kaj trankviligas lin. Certe estas plej bone tiel, li pensas. Ŝi kiel mastrino — kun tiuj strangaĵoj en sia kapo? Ne, mi dankas. Sed ĉarma estas tamen tiu kapo, kaj bela la korpo. Eble li devus pripensi la aferon malgraŭ ĉio —

Li iras en la urbon. Estas dezerte kaj silente en la stratoj, estas kviete kaj agrable tie ĉi — nun oni povas retrovi sin mem kaj fartas bone. Diable, kiom stulta oni povas esti, li pensas. Eĉ se oni povus forblovigi el ŝi tiujn fantaziojn — kion dirus la homoj? Malriĉa knabino, plie bastardo! Dank' al Dio, ĉar liaj okuloj ree ekfunkciis kaj li liberiĝis el sia reto.

Ree hejme. Tie estas lia propra bela, freŝe kolorŝmirita domo. Sed estas ja iomete dezerte tie ĉi, li pensas fermante la pordegon. Estus agrable havi ŝin nun, kompreneble nur por unu nokto. Diable, kiom stulta oni povas esti — sola kun bela knabino en malluma arbaro kaj eĉ ne ŝteli etan kison! Estas plej bone ne mencii tion al iu — alie oni senĉese mokridos pri mi.

Kaj sinjoro Holmberg kuŝiĝas en sian fraŭlan liton, kaj post nelonge li dormas la profundan dormon de la justuloj.

El la sveda kun la permeso de la aŭtoro:

*Einar Knutsson.*

*Karl-Erik Forsslund* (naskita en 1872, vivanta sur sia bieno en Dalekarlio) estas la plej akcentita hejmregiona priskribanto en sveda literaturo. En multaj verkoj li kaj proze kaj poezie priskribis la naturon kaj la homojn de sia hejma regiono, kun fervora entuziasmo kaj en subtile lirika lingvo predikante la evangelion de la naturo vivado.

# Gastejo provencana

Novelo de **Maurice Averan** – Trad. el la franca kaj ilustris: **J. E. Sedillot**

*Bestoj kaj homoj interamiĝintaj . . .*

**Claude Farrère**



Li estis kun du junulinoj admirindaj. – unu tiel bruna, l alia tiel blonda, ke ili nepre ŝajnis esti elektitaj, por ia filmo, de scenisto emega al facilaj kontrastoj.

La vespero leviĝis; — ĉar, tie, la vespero ne falas, ĝi levas sin. Tio ne estas io mortanta, tio estas naskiĝo. Naskiĝo, rande de l' krestoj violaj el verdo pale kolorata per malvo, dum la tuta cetero de l' ĉielo estas roza, — infinite; naskiĝo, en l' atmosfero, de parfumoj pli dolĉaj kaj pli fortaj, rezina odoro de l' pinoj, subtila elspirado de l' lavendo. Vespero de Alta Provenco . . .

— Ho! kiom ĉarme! — entuziasmis Mad, kaj ŝia brako, luma sago, sin streĉis montre al la gastejo antaŭ kiu l' aŭto, tute tegita per brilega polvo, ĵus haltis. Mad certe ŝatis, ĉar bruna, fortajn cigaredojn el malhela tabako.

— Ha! jes, agrablaspekta, — samopiniis Meg, kiu, ĉar blonda, firmkarna kaj parfumita, similis al angla cigaredo.

Kvazaŭ grimpema vinberarbo, iliaj afektaj virinnometoj sin volvis ĉirkaŭ tiun gastejon provencanan, kies muroj, eĉ en la vespero pliiĝinta, konservis vivantan or-koloriĝon, vivkarnan aspekton.




— Kie ni troviĝas, ĉi-tie? — demandis Mad.

— En Aigues-Vertes, — diris Pjer, haŭttremetante.

— Aigues-Vertes! Mirindega lando, kaj nomo tiel delikata, — Meg laŭtpensis.

— Jes, tiel delikata, — ripetis Pjer.

Li havis dolĉe grizajn tempiojn, pli dolĉajn de enkadrigo al bela vizaĝo tre juna, kaj al rideto, kiu kutime devis esti ĉarmanta, sed kiu nun rigidiĝis sur lipoj duriĝintaj, malamikaj . . .

— Ho! Pjer! Ni gastiĝos? — patosis Mad.

— Tie ĉi, ni vespermanĝos, ĉu ne? — atakis Meg.

Nelogate per la kutima melodio de tiu kanto ameba, Pjer nee skuetis sian kapon.

— Ha! Ne, ne, ne ĉi tie, karulinoj, — li diris.

Ĉar li vartis la plej karesan amikecon al ambaŭ ĉefaj rolantinoj de l' teatrajo, kiun li ĵus komponis el sia lasta novelo, kaj kiu jam havis la plej viglan sukceson sur scenejo de l' Bulvardoj. Spite al la bruegama reklamado, al la »vedette«, kiu invadas la afiŝojn kaj al la floroj kiuj amasiĝas en la loĝio, Meg kaj Mad estis daŭre freŝaj kaj same simplaj kiel sinceraj kamaradinoj. Profitante je teatre plitrankvila periodo, li veture igis ilin viziti lian naskiĝan Provencon; kaj de dekkvin tagoj, laŭlonge de l' landvojoj, palblondaj kiel Meg, borderataj de cipresoj brunfrondaj kiel Mad, en Marseille, en ĉiuj lokoj kie oni sin amuzas (tiel estas ĉie), baldaŭ famiĝis por ĉiam tiu trio, du parizaninoj kaj novelisto Pjer Miguel . . .

Konsterniĝo eksteriĝis sur ambaŭ amindegaj vizaĝoj.

— Vi ne volas ĉi tie gastiĝi, Pjereto? Sed kial?— petas Meg.

— Ja kial? — Mad apogis. Ĉu estas menuaĉo en ĉi tiu »hotellerie«?

— Ne. Sed la nokto sin anoncas nepre belega. Ni ankoraŭ povas aŭtomobili dum horoj. Nu! ni vin forveturigos al Saint-Trinit, manĝe kaj dorme. Akceptite?

Ili ambaŭ protestis, nun obstinemaj kiel du infanoj.

— Ne, ne, tie ĉi, Pjer. Mokinda tia obstinado. Kial vi ne volas? . . .

Sendube pro la disiĝema lumo de l' krepusko, Pjer vizaĝis morte pala.

— Ni foriru, ni foriru, — li petegis.

— Ha ha! Ĉu vi nin informos pri . . . — ribelis Mad.

Ridetante. Pjer flustris:

— Mi timas.

Nun, ravanta voĉduo, la ridoj kuniĝintaj de l' junulinoj, ekflugis tra l' aero odoranta:

— Timas! Vi, Pjereto! Vi timas ĉi tiun ravan gastejon provencanan? Ĝi tamen ne estas bandita komplotejo . . . — diris Meg.

— Ĉiakaze, ne tiel ĝi aspektas, — opiniis Mad. Kun ĝiaj ĵaroj, ĝiaj genarioj, ĝiaj verdaj ŝutroj . . .

— Unufoje pli, ni foriru, — ripetis Pjer nun preskaŭ obstinfurioza. Vi ne scias, vi ne povas scii . . . Ha! Al vi ĝi ŝajnas gastamega, ĉu ne? Ĉi eta gastejo florroba, feliĉa . . . Nu! Ĝi tamen estas loko kie okazis fiatenco, iam . . .

— Fiatenco? — Meg scivolis.

— Krimo? — Mad insistis.

— Ja, Pjer respondis, malrapide. Krimo. Eble pli . . .

La ridemo de Mad pliiĝis:

— Ho! sed tio iĝas freneze amuza, tio! — ŝi ekis.

— Tre ekscita! — Meg apogis. Jen tiom pli bona motivo por gastiĝi en ĝi, por vespermanĝi tie ĉi. Ho, la krimojn mi ŝategas!

— Vi rakontos ĉe deserto . . . — Mad deklaris korbatante ĝojema.

— Ĉe l' deserto — Pjer laŭtpensis. Ĝi ne estas tre bela anekdoto, karulinoj. Kaj ĝi eble ne estas »tre amuza«, kiel vi asertas, Mad, por vi, saĝaj knabinoj . .

— Jes ja, jes ja! — ambaŭ melodiis per unu-nura gajoplena voĉo. Nu, venu. Pjereto, ni ege malsategas . . .

— Mi kredas, ke pli saĝe estus foriri, — Pjer ripetis, kvazaŭ turmentata.

Ĉi-momente, sub la plenarka volbo, emocianta pro la pura kurbeco, ekstaris la gasteja servistineto. Apenaŭ ja pli alta ol la ĵaroj bakitaj el argilo, kiuj ŝin flankis, gastafabla, sen serva servutemo, ŝi portis flugilece la simplan kornoblecon, kiu belornamas la plej humilan el la virinoj tiulandaj.

Ĉu neatendebla deziro ne esti vidata de tiu sudlandanineto, en ridinda situacio? Aŭ pli ekzakte, nekonata soifo sin dolorigi kore, retroiri laŭ la longa vojo kies ekstremaĵo nur estas amaro kaj doloro?

Ilin ambaŭ brakpende portante, vivajn bukedojn, li cedis, — la gastejon eniris . . .

Tiel florriĉan, tiel feliĉan, kun ĝiaj geranioj, ĝiaj verdaj ŝutroj . . .

II.

. . . Nun la vespermanĝo finiĝis, — admirinda vespermanĝo, kiel okazas nur en la lando de l' trutoj, de l' kankroj, de l' trufoj kaj de l' turdopasteĉoj. . . . Tamen, Pjer estis manifestinta la plej kruelan missaton pri ĉiuj ĉi kuirartaj mirindaĵoj, — nepre male al liaj kunulinoj, kiuj, ridemaj, iom festenebriaj, ŝajnis esti nepre forgesintaj la memoron de l' tujunua malagrablega impreso.

Tra la malfermitaj fenestretoj penetris la mirindega nokto, pli hela ol tago, kaj la ĉielo, nun tute venkita de la malvo, floris kvazaŭ neimagebla kampo de lavendoj . . .

— Nun, — Meg enketis, — Moŝt' Aŭtora, la rakonto?

Pjer metis sur la cindrujon la sveltan cigaredon, kiu similis al Meg: blonda, blanka, firma, parfumita . . .

— Ja! vere, — li diris, kun kurioza rideto. Mi forgesis . . . Kvazaŭ mi povus, iam, forgesi . . .

Antaŭmanĝe, mi parolis al vi pri fiatenco, — krimo. Nu! Tiun krimon mi mem atencis . . .

— Vi! — eklaŭtis Meg kaj Mad mir-unuvoĉe, vi!

— Mi, — diris Pjer. — Mi mem. Sed trankviliĝu. Tian krimon ne punas la leĝo. Cetere, eĉ tiuokaze, okazus punmalebliĝo pro la tempo: dek jaroj, pensu ja, antaŭ dek jaroj mi faris tion . . .

— Sed kion? — Mad demandis.

— Jes, kion? — Meg ehis.

Milde Pjer kisis la fingrojn de siaj amikinoj:

## *Poemoj en prozo*

**— Verocka Gutman, Tallinn —**

VIKTORIA REGIA — NIA AMO.

*Victoria Regia* estas nia amo. Eterne ĝi verdas super la ondanta grizeco de l' Vivmaro. Nur unufoje sin levas ĝia burĝono el la nigra senfundo abisma por pompe ekflori momenton kaj poste por droni, malaperi inter la senhaltaj ondoj, postlasante nur la ebriigan parfumon, la brilon de l' kolorriĉo kaj memoron pri l' tempo, nerevokebla kaj tamen vivanta.

PERLOJ.

Ŝi sidis kaj ligis perlojn brilantajn sur longan fadenon por fari kolĉenon, ornamon de l' vanto, por kolo neĝblanka de sia mastrino . . .

Ŝi sidis kaj ploris larmojn dolorajn, ruliĝintajn sur vangoj, tre palaj pro laco kaj tedo de servo servuta . . .

Kaj jen la Tri Parcoj ilin kolektis; la perlojn de l' vanto kaj larma doloro, jen ilin alplektis sur la senfinan fadenon de l' Vivo, por sufoke torturi la gorĝon de milionoj per soifo je riĉo kaj konsolo . . .

BETULA BRANĈO.

Ĉe la fenestro mi sidas. Ekstere ĝemas aŭtuna vento, mian fenestron batadas betula branĉo. Nuda kaj nigra ĝi estas. Nur unu sola folieto, kruele traktita de la ventoj kaj pluvo, pendas sur ĝi.

Betula branĉo . . . nuda kaj nigra . . . Ho, kiom multe povus rakonti tiu ĉi mortinta folio!

La branĉo tamburas sur la vitro . . . demandoritme . . . kvazaŭ ĝi volus interesiĝi: ĉu vi ne rememoras . . . ĉu vere ne?

Ho, jes! Mi jam vidis tion ie: la fenestron kaj la branĉon . . . Miaj pensoj memorserĉe retrogalopas en la nebulon de la pasinteco. Subite mi vidas fenestron larĝe malfermita.

Larĝe malfermita fenestro. Tra ĝi la petolaj sunradioj dancas en la ĉambron kaj ili brile glitadas sur la planko. Ho, tiuj oraj radioj! Kiel printempe koketaj ili estas! Sunradioj, arlekenetoj de la renaskiĝanta juneco . . . La foliriĉa betula branĉo, rigardanta tra la fenestro, eĉ ridas pri ili; la folioj tremetas pro la rido. Mia rigardo haltas ĉe la ridantaj folioj . . Kiel brile verdaj, kiel gluecaj ankoraŭ ili estas! Versajne antaŭ nelonge la matena kiso de la suno liberigis ilin el la burĝona malliberejo! Tiuj freŝaj betulfolietoj, bonvenaj heroldoj de la Printempo . . . nun tiel ili susuras, tremetas pro feliĉo kaj ridas pri la arlekena ludo de la dancantaj radioj . . .

Ekkrako . . . La maljuna betulo revokas min al la realeco. En aŭtuna vento baraktas la nuda branĉo kun sola folieto seka kaj mortinta . . .

En miaj pensoj bedaŭro ĝemas: kiel mallonge vi vivis! La tambura ritmo sur la vitro ŝajnas respondi: Sed mi vivis, konis la sunvarmon, ro on kaj la pluvon kaj helpis ornami la Teron.

fingrojn palajn de la blondulino, ardajn fingrojn de l brunulino . . .

— Nu. karulinoj, trankviliĝu, unufoje pli . . . Mi rakontos al vi, ke tio okazis dum l' epoko de miaj dudekdu jaroj. Ĉar mi estas nur tridekdu, nun, spite mian tempion jam grizan, kiu min similigas al aktoro . . . Mi ne ĉiam estis riĉa, ja ne! mi eĉ estis malriĉa, karulinoj, malriĉa tre — kiel malriĉa povas esti kompatinda studento de fakultato, orfa, kaj kiu havas por vivi nur la fian salajron de l' lecionoj, kiujn li donas tie kaj ĉi tie, — malprofite, kompreneble, al la regularaj studoj . . .

»Tiun jaron, cetere, la lecionoj estis miraklo fruktodonaj. Tial mi intencis ĝui libertempon en . . . Aigues-Vertes.

— Tie ĉi? — ĥoris ambaŭ junulinoj.

— Tie ĉi, — jesis Pjer. — Interkrampe, Aigues-Vertes ankoraŭ ne estis la famekonata varmbanejo de l' hodiaŭo. Aigues-Vertes ŝuldas, kiel vi scias, sian flugilflustran nomon al la Verdelet-torento, tiel verda, kiu ĝin banas. Ĝi estis tiutempe ŝateginda vilaĝeto alte-nestanta, — insuleto de suno kaj ombro alternantaj, meze en la senmova, griza verda oceano, de l' altaĵoj. Tiuj altaĵoj, antikve tretitaj de l' Saracenaj hordoj, sed al kiuj nun supren sturmas plu nur l' invado pacama de l' olivarboj . . .

»Tien ni alvenis, triope . . .

— Triope? — miris Mad.

— Jes, triope ja, — asertis Pjer, kun sia eterna rideto. Verdire tiun ciferon de longe mi ŝatas. Tiam mi havis nur unu kunulinon: mi estis malriĉa, vi vidas; la tria de l' triopo, indulgu l' esprimon, estis mia hundo . . . Sed kia kunulino! sed kia hundo! . . .

Ĉiam ridetis Pjer Miguel. Sed li eltrinkis per abrupta engluto la glaseton da blanka ribbrando, kiu restis ĝis nun plena antaŭ li . . .

— Klara, — li daŭrigis. Ŝin mi estis renkontinta ĉe amikoj, en Marseille. Ne Marsejanino, nek sudfrancino, cetere. Kaj eble pro tio okazis la tuta veo. Ha! Tiu problemo de l' rasoj . . . Ŝi estis iom liberagema, certe. Sed beleta. Kaj ne ŝerce. Tre . . .

— Pli delikata ol mi? — Mad subite seriozis.

— Pli delikata ol vi ambaŭ sume, — diris milde Pjer. Ne ĉagreniĝu. Mi estis dudekdujara kaj ŝin mi amis. Tiam, ŝi estis la plej delikata el ĉiuj. Neeviteble. . . . Kaj ŝi promesis al mi esti Mia, alte-tie, meze de poezio, lumo . . . »Ŝi estis al mi, — se mi povas riski nun la vorton . . .

»En ĉambreto de l' gastejo provencana, kie ŝi tuj ŝatis ripozigi sian fean korpon . . .

Ha! tiu korpo, karulinoj, — ĝi odoris per ĉiuj intimaj odoroj de l' altaĵoj, ĝi sorĉ-odoris lavendon, juniperon, timianon, rosmarenon, rezinon . . . ruĝan humon de suno bruligitan; mistralon ,kiu blovas sur la draŝejo, disflugigante pajlerojn, la luna radiaro, ŝprucinundanta la vilaĝon subnoktan, — ĝi odoris Provencon.

»Kaj mi estus ĵurinta, ke ankaŭ tiu animo eta mem estis parfumita de l' odoroj magiaj de mia lando. Kiam Klareta ridetis, tio estis ĉielo. Kiam ŝi paŝis, tiel gracila, kroni'a, kvazaŭ aŭreolita per sia larĝa ĉapelo, ŝajnis ke estas pinastro, al kiu plaĉis forlasi sian lokon, supre sur l' altaĵo. Kiam ŝi proponis al mi siajn kisojn . . .

»De ŝi mi estis freneza; dudekdujaris. Kaj ĝis tiu momento, ĉiam en miaj libroj. Do . . .

»Nun pri la hundo, — admirinda ŝpico, de pura raso, kiun amiko donacis iam al mi, hundideton mallertan sur ĝiaj altaj gamboj; mi nomis ĝin Akela, memore al mia kara Rudyard Kipling. Mia amiko donacis ĝin al mi — ĉu vi aŭdas, Meg, Mad? Hundo, tio estas donacebla; nevendebla. Neniam. Oni ne vendas kamaradon, ĉu ne? Eĉ, kaj ĉefe, kvarpiedan? Nu, Meg, Mad, via opinio?

»Akela mia . . . se mi estas tia, kia nun, jen dank' al li. Jes, dank' al li. Tio estis lia lasta amikpruvo al mi, al mi, kiu . . . Li estis tiel bela, ke S-ro Davis, anglo, kun kiu mi konatiĝis en la Kazino, al mi ripetis dekfoje tage, ke se mi volus ĝin vendi al li, li aĉetus ĝin karege. Sed oni ne vendas kunulon, ĉu ne? Hundo, tio estas donacebla maksimume. Sed vendebla! Ba! . . .

Pjer Miguel haltis. (Daŭrigota)

## DIOGENES

— *F. Szilágyi* —

Dum pluva tag', en nokto laca,
En urba strat', sur ko'a kamp'
Mi vagas solserĉanto paca,
En mia mano tremas lamp'.
La lampo tremas, lum' balbutas,
Jen homon serĉas la solul',
Sed sen respondo. Ŝvito gutas,
La koron maĉas vana brul'.

La koron maĉas vanaj bruloj,
Hirudoj suĉas, rampas gnom',
Vulturoj, ratoj, Mort-uluoj,
Nenie ja respondas hom'.
Kultur' cindriĝas en malamo,
La mondon minas verma bor'
Kaj sure ruĝas flua flamo
En nokta hor'. Kaj besta plor'.

En pluva mond', en nokto laca
Kun seka lang', en lasta ramp'
Mi homon vokas, homo paca.
Ventfajfo. Mortas nun la lamp'.
Malhelo, min rikano mokas,
Atakas gnom' kun sanga hund';
Mi hurlas beste kaj sufokas
Kaj ehas min la vunda mond'.

## En la alpoj

— *I. Bunin* —

Sur montopint', en neĝkovrita alto
Per kling' mi ĉizis versojn de l' sonet'.
Pasadas temp'. Postsignojn de l' ponardo
La neĝo daŭre gardos en sekret'.

Sur montopint', en la lazura ardo,
En ĝoja brilo de la neĝ-kviet'
La sun' nur vidis, kiel ponardet'
Desegnis versojn sur glaci-smeraldo.

Kaj gaje estas pensi, ke poet'
Komprenos min. Neniam ĝuu bardo
Aklamojn el la val' — kun ĝoja kred'.

Sur montopint', en la lazura ardo
Mi ĉizis zorge versojn de l' sonet'
Nur por la hom' de l' neĝa alto.

El la rusa: *Hilda Dresen.*

# PRINTEMPO FURIOZAS
## (OCUJA KOROŜI)
### — JUN'IĈIRO TANIZAKI —

PARTO II.

»Por fiksi la aferon bone kaj ĝuste, vi ne devas tro rapidi. Dek tagojn aŭ pli da pacienco! Intertempe estus pli bone kaŝi vin de la homoj, kiel eble vi nur povas. La ĉambroj de la supra etaĝo estas je via dispono — estu feliĉaj kune tie, mi deziras al vi ĉian plezuron!«

Tiel parolis Seiji, kiam li akceptis la junan paron. Li donis necesajn instrukcion kaj averton al siaj edzino kaj geservistoj. La varma gastameco de la domanoj lasis al ili neniom pli deziri rilate la servadon. Tamen, dek tagoj preterpasis, kaj eĉ monato forpasis sen ia ajn efektive bona novaĵo flanke de la boatisto.

»Sinjoro Seiji estas laborplena homo kaj, ĉar la afero ne montriĝas ĝuste kiel li esperis, povas esti, ke li kaŝas de ni ĉion.«

Nun tia dubo komencis pezi sur la koro de Ŝinsuke. Cuja, tamen, prenis la situacion en pli filozofia humoro.

»Kial turmenti vin tiel, mia kara?« ŝi diris. »Nun ni forkuris kune, kia diferenco do, se ni nur ne devos reveni de niaj homoj? Ni havu la hejmon por ni du, tute laŭ nia volo. Tiel ni estos pli feliĉaj malgraŭ ĉio. Mi neniam estis tiel feliĉa en mia tuta vivo kiel nun. Mi tute ne zorgas, ke mi neniam plu revenos hejmen!«

De kiam ili venis al tiu ĉi nova restadejo, Cuja tute ŝanĝiĝis; ŝi estis pli gaja, ĝoja kaj kuraĝa. La fenestro de ilia ĉambro rigardis preskaŭ rekte malsupren de sur la ŝtona digo, kiu sin levas super mallarĝa kanalo, fluanta en la riveron Sumida. Tie ĉiutage svarmis multe da tegmentitaj barketoj por porti festenantojn kaj gejŝojn el la gajkvartaloj en Hukagaŭa kaj apud la rivero. Ne malofte okazis, ke kelkaj el tiuj festenantoj okupis ĉambron apartigitan de tiu de la juna paro nur per la paperekranoj, kaj sin donis al libera kaj plena gajado tute senzorge al la ĉirkaŭo. Cuja baldaŭ lernis la manierojn de tiuj homoj aŭ viditajn aŭ aŭditajn. Ŝia hararo, aranĝita en virgulina stilo antaŭe, kiam ŝi forlasis la hejmon, baldaŭ devis esti ŝanĝita. En la kvara tago post sia alveno ĉi tien, ŝi lavis la hararon kaj kombis ĝin en facilan ligon malantaŭ la kapo nur kun simpla kombilo fiksita kapflanke — stilo komforta, sed ne observanta la dececon. Ŝia vestiĝo per larĝa supervesto kun okulfrapa desegno, donita de la boatistedzino por eviti la malvarmon, kaj ŝia kutimiĝo al ofta fumado kronis ŝian provon imiti tion, kion ŝi opiniis la ĉehejma maniero de gejŝo. Kiam ŝi kolektis kelkajn vortojn el la vulgaraĉa lingvo de l' prostituitina klaso kaj okaze uzis ilin du-tri fojojn, Ŝinsuke pensis, ke li devas tion ĉesigi.

»Kia lingvo por paroli?« li diris kuntirante la brovojn malplaĉe. »Kial vi devas imiti la manierojn de tiuj sentaŭgulinoj? Mi hontas eĉ paroli pri ili. Fiere li diris. Ne estis malfacile imagi, ke se ne estus lia Cuja, li povus vivi honestan vivon.

Tamen, ŝi ne multe atentis lian konsilon. Ŝia kontento al la nova vivo pelis ŝian koron al la zenito de feliĉo, kaj ŝi pasigis la tagojn en frivola ridado de mateno ĝis vespero. Eĉ ĉe ĉiu manĝo ŝi montris ŝian kapricon al epikura lukso, ordonante tiun teleron kaj ĉi tiun. Kaj preskaŭ unu fojon en tri tagoj ŝi deklaris ĝeneralan regalon al la tuta familio, memorante eĉ pri la dungitaj boatistoj. Pro la zorgemo de Seiji, la botelo de vino neniam mankis ĉe vespermanĝo. Kiam ŝi etendis la glason por ĝin plenigi, ŝi faris tion kun la gesto de tiu, kiu ne estas alkutimiĝinta, sed ŝi drinkis avide kiel drinkemaj viroj. Kelkfoje en la nokto, kiam ŝi estis tro ebria, ŝia vizaĝo flamis de tia pasio, kia estas videbla nur ĉe frenezulo, kaj ne lasis dormi la amaton la tutan nokton. Ili estis entiritaj en kirliĝantan turnon de plezurego, kiu ŝajnis minaci ilian vivon jam en ĉiu momento.

Tiel la tempo fluis. Kaj la aferplena jarfino alproksimiĝis. La foira tago de la sanktejo Haĉimau, la dekkvina de Decembro, jam forpasis. Ankoraŭ venis nenia novaĵo atendata de ili tiel maltrankvile.

»Mi ĝuste nun parolas kun ili. Estu paciencaj ankoraŭ kvar aŭ kvin tagojn.« Tiel ripetis la boatisto, kiam ajn li vidis la paron kaj estis petata klarigi. Kaj ili ĉiufoje sentis, ke ili ne devas urĝi lin tiel senpacience.

»Sinjoro Seiji, kio jam okazis, tio okazis, kvankam mi devas peti mil pardonojn de mia mastro. Se ni ne povas esperi hejmenvenon, estu tiel do. Ni preparis nian koron por la plej malfavora okazo kaj estas jam pretaj ie komenci hejman vivon nur por ni du. Kaj ne zorgu pri malespero kaj malĝojo, kiuj pelus nin al io ekstrema kaj senpripensa. Diru do, mi petas, kiel statas la afero. Mi ne povas daŭrigi longe tiel la vivon trovante vian bonecon.« La fervora apelacio de Ŝinsuke ĉiam renkontis respondon pli bonkoran ol antaŭe.

»Ne zorgu pri mi tiel,« respondis la boatisto. »Kompreneble, se mi trovus, ke la afero ne iras bone, mi jam lasus kaj rezignus ĉion. Sed jen la fakto: mi faris viziton jam pli ol ses fojojn kaj penis ilin konvinki kiel eble mi nur povis, kaj la maljunuloj de ambaŭ flankoj ŝajnas nun rigardi la aferon al ni tre favore. 'Se la gejunuloj amas tiel freneze unu la alian, ke ili fine forkuris,' mi ĉiam diras al ili, 'ili ja devas fariĝi geedzoj.' Alie, oni opinius la patrojn ne tute justaj, kaj pensus, ke la patroj rifuzas vidi la aferon tiel, kiel ĝi nepre devas esti. Bone,' tiam mi diras al ili, 'se vi ne volas akcepti ilin, mi tenos ilin ĝis vi estos pretaj ŝanĝi la koron. Kaj dum ili estas ĉe mi, vi povas lasi ilin sub mia zorgo.' »Nu, vi vidas,« li diris facile en bona humoro, »ke estas nenio por maltrankviliĝi!

Kiel ajn komplika kaj malfacila montriĝos la afero, certe la maljunuloj ne ŝatus prokrasti tion ĝis Novjaro, la tempo de tempoj, kaj lasi, ke ĝi mallumigu ilian vivon, kiam ili estas precipe zorgemaj por vidi feliĉajn aŭspiciojn. Ĉio do estos fiksita, ili rezonis, almenaŭ ĝis la fino de la jaro. Ŝinsuke konsolis sin per tia espero kaj senpacience atendis la alvenon de Novjaro, kiu ŝajnis alporti tre multajn promesojn.

La malŝparema vivo, kiun ili daŭrigis, konsumis unu tagon post alia la dek orpecojn alportitajn de Cuja, kaj nun restis ne pli ol duono de la sumo. »Ni ne povas ĝoje saluti Novjaron kun tiel negrava sumo de kvin orpecoj,« klarigis Cuja, kiam al ŝi venis intima hararanĝistino, kiu sekrete zorgis por havigi al ŝi monon per paro da franĝhavaj harpingloj el arĝento. Ili estis harpingloj, per kiuj Cuja iam ornamis ŝian har-



R. Kremlička *Lavistinoj*

aron arangitan en virgulina stilo. Kaj sian malavarecon ŝi montris, en la nokto de la dekkvina, la tago de kampa foiro, unu el la lastaj okazaĵoj de la jaro, ŝi donace prezentis tri malgrandajn orpesojn por ke ili estu disdonataj inter la geservistoj, kiel ŝia memoraĵo de la sezono.

Estis post tri tagoj, frue en la vespero. Ŝinsuke kaj Cuja estis eksidontaj al la tablo, kiam Santa, unu el la dungitaj boatistoj, venis kurrapidante laŭ la ŝtuparo. »Mi alportis bonegan novaĵon por vi,« li diris al Ŝinsuke. »Mi venis por transdoni la vortojn de nia ĉefo. Li nun estas kune kun via patro ĉe la restoracio Kaŭaĉoo en Janagibaŝi. La afero iras tre bone, li diras, kaj pensas, ke ĝi ŝajnas esti tuj solvita. Li do diris al mi tuj vin venigi per ŝipeto. Sed li pensas; se vi venos ambaŭ, tio ne estas iom oportuna por daŭrigi la konsiliĝon. Do, estas bedaŭrinde por la fraŭlino, li diris, sed li petas ŝin ke ŝi restu ĉi tie. li turnis sin al Cuja. Aŭskultu, fraŭlino! Ŝajne vi tro karesas la sinjoron pretendante de li la tutan tagon. Eĉ se vi lasos lin foriri almenaŭ unu fojon en vespero, sur vin falos nenia puno.

»Sed mi timas ion, — ial,« diris Cuja, dum ŝi subite ŝanĝis la vizaĝkoloron profundiĝante en malkuraĝigita humoro. Efektive tio estas bona novaĵo, sed ĉu ne okazus tia afero, ke li nun foriros por ĉiam, ke oni forkondukos lin al lia patra domo. Timo ŝin kaptis; diversaj timoj premis ŝian koron. Ankaŭ Ŝinsuke estis en ne pli bona korstato. Vere estis tiu ĉi momento, kiun li sopiris tiel longe, kaj tamen, nun veninte vid-al-vide al ĝi, li trovis sin senhelpa kontraŭ serio da timoj, ĵetantaj malgajajn ombrojn sur lian koron. Kio aperis al li kiel la plej duba parto de la afero en la nuna perspektivo, estis la ideo malmodeste treni sin antaŭ la patron por peti lian favoron, ankoraŭ ne senkulpigante sin antaŭ la mastro, al kiu li agis tiel malbone, ke li timtremas eĉ por pensi pri tio. »Nu, rapidu, rapidu! insiste urĝis lin Santa, kaj la junulo rapide sin pretigis kaj iris malsupren laŭ la ŝtuparo, stimulante al si la pezan koron.

Preskaŭ en la sama momento, Cuja ekkuris post la junulo; pro kia kaŭzo, nur ŝi sciis. Guste kiam la du viroj estis ekpaŝontaj surŝipen, ŝi kaptis ilin ĉe la maniko.

»Sinjoro Santa,« ŝi alparolis la boatiston, ne ofendo al vi, mi vin certigas, sed mi sentas — ial — ion malbonan. Prenu ankaŭ min kune, mi petas. Al vi venos nenia malfacilaĵo pro mi. Mi zorgos por ke ĝi ne venu!

Aha, ha! Kion mi aŭdas, fraŭlino? Ja sensencaĵo! Jam saltinta en la ŝipeton, Santa ridegis larĝe malfermante la buŝon, eĉ komencante malligi la ŝipŝnuron. Vi ja estas kvazaŭ infaneto dorlotita. Nenia malfacilaĵo, nek io simila! Sed pro kio estas tiu ĉi ekscitiĝo? Kvazaŭ iu estus englutonta vian karulon! Ĉion lasu al nia ĉefo, kaj la afero iros tute bone. Vi devas scii — vi ja scias, ĉu ne? — ke via akompano nur signifus, ke vi puŝas bastoneton en la radon kiam ĝi iras bone!«

»Se estas tiel, mi kaŝos min en iu alia ĉambro kaj atendos, dum la konsiliĝo daŭros. Do ne iru sen mi, estu bona. Mi ne scias kial, sed mi sentas, ke mi ne devas lasi lin iri sola hodiaŭ nokte. — Ŝi rapide elprenis malgrandan orpecon el la faldo de sia larĝa zono.

»Ne estas ĉiutage, ke mi petas al vi tian aferon, sinjoro Santa,« diris, Cuja kaŝe prezentante la monon al li en la manon. »Unu fojon nur, en la nuna momento, faru al mi bonan servon. — nu?«

»Nur antaŭ kelkaj tagoj vi donis al mi bonan pecon — ne, vi estas tro donacema, kaj nia ĉefo ne ŝatus tion. Post momento da nekutima nedecidemo en tia afero, li redonis al ŝi la proponitan monon. Al tiu ĉi juna boatisto, ŝajne la plej influohava inter la dungitoj de Seiĵi, Cuja estis tre malavara; pri li ŝi estis plej zorgema. Do, lia ŝtona sinteno, kiun li montris ĝuste kiam ŝi bezonis lian helpon pro sia malfacila situacio, tiom pli vundis ŝian koron.

»Mi kore dankas pro via zorgemo,« diris Ŝinsuke, »sed, se ĝuste via akompano ne estas dezirata de sinjoro Seiĵi, mi ne volus fari tion spite la volon de l' homo, kiu prenis sur sin la tutan zorgon nur por nin helpi. — kredeble, pro tio mi ne povus senkulpigi min poste. Lia videbla provo, kvietigi ŝian maltrankvilon kaj konsoli ŝin en nova vidmaniero, estis tamen apenaŭ pli sukcesa al ŝi, ol estis al li mem. Ĉar, kiam li staris ĉe la akvorando en la pli kaj pli kreskanta vesperkrepusko, lia vizaĝo estis strange pala, kaj liaj ŝultroj daŭre tremadis.

Bone, do, kia ajn malfacilaĵo venos post la konsiliĝo, certigu min — ĉu bone? — ke vi revenos al mi antaŭ ol vi faros ion ajn.

Vi povas fidi al mi —, respondis Ŝinsuke, donante emfazan kapjeson. »Kvankam mi kredas, ke vi nos nenio timinda. La nokton de l' noktoj, kiam lia longe sopirata deziro estis plenumota! li devis esti ĝoja kaj feliĉa, sed, ial, li sentis, kvazaŭ li tuj eksplorus. Kial li ne prenas ŝin tuj ĉi tie kaj ne forkuras denove, li demandis al si, ĉar li sentis, ke tiamaniere lia koro liberiĝus de sia ŝarĝo.

En tiu tago, jam de antaŭtagmeze, blovis suda vento, malofta en vintro, alportante mirinde varman aeron. De la mateno Cuja plendis pri kapturniĝo kaj metis resanigan plastron sur la tempiojn. Dum ŝi argumentis kun la boatisto Santa, afliktiĝo malsekigis ŝiajn okulojn per larmoj, kaj ŝi sentis senhelpan malfortecon de duonmalsano. Tamen, per la okuloj larmoŝvelantaj, ŝi sekvis rigarde la ŝipeton, sin apogante sur la fenestron de la supra etaĝo. Estis ankoraŭ tro

# Kial la civilizacio ne bankrotos

**— Albert Einstein —**

La optimisto asertas la vivon, la pesimisto ĝin neas. Malgraŭ sia neado, la pesimisto tamen sin tenas al la agrabla kutimo: vivadi. De tempo al tempo, la homo ripetas al si la senmortan demandon de Hamleto: »Ĉu esti aŭ ne esti?« Se li decidas, ke entute estas preferinde esti ol ne esti, li estas optimisto, eĉ se li citadas Schopenhauer aŭ la biblian proverbon, ke ĉio estas vantajo.

Mi estas optimisto.

Mi asertas la vivon. Ĉar, kia ajn estu la sorto de sunoj kaj universoj dissolviĝantaj, ekzistas tio, kion ni nomas progreso. Same ekzistas evolucio en la ciklo de l' homa speco, kiel ajn mallonga estu ĝia ekzisto mezurata en termoj astronomiaj.

Mi estas optimisto malgraŭ la malvigleco, malsatego, malkontento kaj renaskiĝo de militemo, — la Kvar Rajdistoj de l' Nova Apokalipso en sanga sekvo de l' Mondmilito.

Mi estas optimisto malgraŭ la ĝenerala subpremo de l' rajtoj de l' individuo, kiu postsekvis la ambician penadon sekurigi la mondon per la demokratio. Estas la batalo de l' animo individua por reaserti sin, kiu karakterizas la epokon, en kiu ni vivas. Neniu homo kapablas trovi sian propran animon, antaŭ ol li sukcesis bilanci la konton inter si mem kaj la socio.

Se ni primeditas nian vivon kaj niajn esperojn, ni preskaŭ ĉiam eltrovas, ke niaj plenumoj kaj penadoj estas firme interplektitaj kun la ekzistado de l' aliaj. Ni rimarkas, ĝis kia grado ni similas al aliaj bestoj vivantaj en araj komunumoj. La nutraĵo, kiun ni manĝas, estas engrenejigita kaj preparita por ni de niaj kunuloj. Ankaŭ niaj vestaĵoj estas teksitaj kaj modelitaj de aliaj homoj. Aliaj manoj ol niaj konstruis la rifuĝejon, kiun ni nomas nia hejmo aŭ nia laborejo.

Niaj konoj kaj kredoj estas plejparte heredaĵoj. Ili preskaŭ entute estas transdonitaj al ni de aliaj. Tiuj aliaj, de longatempe kolektiĝintaj al siaj patroj, kreis la rimedojn, per kiuj la komprenado venas al nia cerbo. Vere, sen la parolo, niaj mensaj kofroj estus malplenaj, nia intelekta horizonto etendiĝus apenaŭ pli malproksimen ol tiu de elefanto aŭ de simio. Lingvo kreas homan fratecon. Ĉi tiu donaco, la eblo transdonadi ideojn kaj emociojn malsimplajn al siaj kunuloj — jen kio diferencigas la homan dupiedulon de liaj zoologiaj parenculoj.

Tute lasita al si mem, la homo estas pli senhelpa ol la bestoj. Imagu infaneton, kiun oni lasus kreski nepre sola de sia naskiĝo. Neimagebla estas la profundega sovaĝeco de tia kreitajo.

Kion signifas do ĉio tio?

Tio elmontras nian dependecon de niaj kunuloj.

Kiel ajn grandaj kaj distingaj estu la talentoj kaj povoj de iu homo, li estas granda kaj multepova nur rilate al sia grupo. La individuo estas signifa ne kiel individuo, sed kiel ano de l' homa familio. La socio estas la forto, kiu direktadas liajn celojn materiajn kaj spiritajn de l' naskiĝo ĝis la morto.

Tiamaniere ni ekhavas mezurilon por la meritoj de homo. Lia valoro dependas unue de l' grado, en kiu liaj emocioj, pensoj kaj agoj estas direktataj al la pliriĉigo de l' vivo de liaj proksimuloj. Bono kaj malbono ne estas termoj absolutaj. Aplikataj al valoro aŭ karaktero de homo, ĉi tiuj termoj dependas de lia pozicio aŭ sinteniĝo en liaj rilatoj kun sia grupo. Tiel ŝajnus, ke la sociaj atributoj de homo estas la solaj faktoroj, sur kiuj apogiĝas lia rilata pozicio en la skalo de l' homaro.

Ĉi tiu konkludo estas tamen erara.

Ĝi ne akordiĝas kun la historio de l' homa raso. Ĉar, se la individuo dependas de l' socio, la socio mem estas nutrata per la riĉaĵoj de l' animo individua. Estas evidente, ke ĉiujn posedaĵojn materiajn, spiritajn kaj moralajn, kiujn ni ricevas de la socio, la socio mem akiris de fortoj individuaj. Konstante kreskante kaj amasiĝante tra sennombraj generacioj, la civilizacio kaj la kulturo elkreskas el la radikoj de kreemo individua.

Ne la socio, sed unu individuo elfrapis fajron el siliko. Iu individuo unue konceptis la penson eltiregi nutrajon el la grundo per kreskigado de plantoj. Aliaj individuoj unue antaŭvidis la vapormaŝinon kaj la filamenton, kiu alportas lumon.

---

frue por la luno de la lasta kvarono. Monstro da nigra nubo, pendanta trans la fajrobservoturo ĉe la ponto Sin'oohaŝi, rapide kaj malalte disvastiĝis en sia minaca antaŭeniĝo, kaj baldaŭ kurkovris la duonon de la ebona ĉielo; la drapo de nigra nokto falis plene sur la mondon. La ŝipeto de Santa, facila en kuro, rapidis plu forportante sian torĉofajron, kiu baldaŭ perdiĝis en la fundo de la rivernebulo.

Kiam la ŝipeto foriĝis de la kanalbuŝo por elgliti en la mezon de la larĝa rivero, Ŝinsuke trovis sin en senlima mallumo; li fiksis la okulojn sur la eta fajro, donata de lia longa pipo, kaj lia koro estis maltrankvila de necerteco.

»Kia malagrabla nokto!« li murmuris duone al si. »Ŝajnas, ke oni havos malbonan veteron morgaŭ.«

»Almenaŭ ĝis Novjaro daŭru la bona vetero, mi deziras,« diris Santa, »kvankam ŝajnas ne espereble. Kiam la vento ĉesos, la pluvo venos — eĉ jam nun.« Li nun anstataŭigis la stangon per remilo. Kaj la remilo komencis doni malpezan grincon sur la ferpivoto kaj ĝia ritma bato sonis plu kaj plu, kvazaŭ ĝi incitus la akvon lekantan la ŝipflankon, nur por naĝi for en la sekvanta momento, sur sia vojsurfaco. Tiam Santa aldonis: »Sed mi sentas iom kompaton al la fraŭlino. Eble nun ŝi drinkas sola pro ĉagreno.«

Tiutempe la restoracio Kaŭaĉoo en Janagibaŝi estis unu el la famekonataj. Ŝinsuke memoris, ke li vizitis ĝin du-tri fojojn akompanante la mastron, kiam ankoraŭ li estis en lia servo. Ŝajnis, ke tiu Santa delonge estis intima kun la homoj de la restoracio; kiam li akceptis salutojn de servistinoj irante tra la koridoro, li ĵetis al ili incitan rimarkon kaŭzante al Ŝinsuke embarason, »hodiaŭ mi venigis por vi knabon tiel belan, kiel aktoro, kiun vi amas.« Oni kondukis ilin al ĉambro rigardanta la riveron, teĉambro konstruita el elektitaj lignaĵoj, kaj meblita laŭ la plej alta gusto. Tie Seiji sidis antaŭ la alkovkolono kun vizaĝo jam hela kaj rozkolora de drinko.

»Ĵus vi preterlasis ŝancon,« li diris, tuj kiam li ekvidis la alvenintojn. »Via patro atendis vin ĝis antaŭ momento — kaj ĵus foriris! Ne eble diri, kiel mi bedaŭras, Ŝin-don!« »Sed, vi venis ja tre malfrue,« li aldonis, montrante malagrablan mienon, ne propran al li kutime; kaj li ĵetis ĝemeton de senesperiĝo. Sed Santa klarigis pri la malfruiĝo, kaj kiam li diris, kiel Cuja retenis ilin ĉe ilia ekiro, Seiĵo apenaŭ ne krevis de laŭta ridego, manŝirmante siajn flankojn, kaj lia bonhumoro tuj revenis. Ŝinsuke estis eĉ dankema pro la sento, ke li liberiĝis de la embaraso vidi la patron kaj de la danĝero esti vole-nevole forkondukata al sia hejmo.

»Ĉiuokaze vi jam venis ĉi tien, do pasigu kelkan tempon por drinki.« Diris Seiji, invitante la junulon. Kaj li komencis rakonti pri la renkonto kun lia patro.

La individuo sola kapablas pensi kaj, pensante, krei novajn valorajojn por la mondo. La individuo sola povas starigi novajn moralajn normojn, kiuj servas kiel vojmontriloj sekvotaj de generacioj. Sen decidemaj personajoj sendepende pensantaj kaj kreantaj, la homa progresado estas neimagebla.

La socia sano dependas ne malpli de l' honesteco de l' individuo ol de l' socia ligo, kiu kunigas la individuon kun lia grupo. Aliflanke, la individuo ne povas kreski sen fundo de komunumo kunlaboranta. La kulturo Greko-Eŭropa kaj Amerika ekfloris el la semo de individua plenumado. La florado de la Renaskiĝo (Renesanco) tiris speciale sian forton, preskaŭ tute, de la liberigo kaj rilata izoligo de individuaj animoj.

Kion ĉio tio signifas por ni?

Ni ekzamenu la tempon, en kiu ni vivas. Kiaj estas la respektivaj statoj de l' grupo kaj de l' individuo?

La loĝantaro de la terspacoj, kie superregas nia propra tipo de civilizacio, estas grandege kreskinta. En Eŭropo la loĝantaro triobliĝis dum unu jarcento. En Ameriko la multobliĝo estis eĉ pli grava. Sed la nombro da sendependaj kondukantoj antaŭenirantaj malkreskis en proporcio inversa.

Ekzistas nuntempe malmultaj individuoj superstarantaj la homamason. Ĉi tiuj malmultaj elstarantoj ŝuldas sian distingecon al ia plenumo fruktodona. En la tuta mondo, organizado anstataŭis individuan gvidon. Tio estas speciale vera en la regno de teknika plenumado kaj, en frapanta grado, ankaŭ en la provinco de scienco.

La manko de grandaj individuoj en la mondo de l' artoj elstaras kun doloriga klareco. Precipe estas degenerintaj la pentrado kaj muziko. Ankaŭ la politiko degeneris. Ne nur ne estas grandaj politikaj ĉefoj. Eĉ la individua civitano estas suferinta preskaŭ ĉie dekadencon en spirita memfido kaj en sia sento de justeco. Tamen, spirita memfido kaj subtila sento de justeco estas la du kolonoj, sur kiuj sin apogas la konstruaĵo de demokratio. Senigitaj je ili, la sistemoj parlamentaj estas senfruktaj. Pro tio, ke la individuo estas perdinta ĉi tiujn du unuagradajn virtojn, la demokratio kaj ĝiaj parlamentoj ŝanceliĝas en multaj landoj. Ĉie ekstariĝas diktatorecoj, kiuj estas tolerataj, ĉar la sento de digno, la sento de individuaj rajtoj ne estas plu sufiĉaj kaj ardvivaj.

Ĉie mankas ĉe la amasoj sendependa politika juĝkapablo. En du semajnoj la publiko de iu lando povas esti incitata al tia grado de malamo kaj histerio, ke ĝiaj individuaj anoj estas pretaj mortigadi kaj esti mortigotaj, en militjungularo, por ia ajn speciala intereso, ne konsiderante ĝian meriton. Abundas profetoj, kiuj, konsiderante tiujn maltrankviligajn fenomenojn, anoncas baldaŭan disfalon de l' Okcidenta civilizacio. Kun tiuj pesimistoj mi tamen ne konsentas. Mi kredas je estonto pli bela. Mi alportu kelkajn esencajn pruvojn de mia konvinkiĝo.

Ne pro manko de progreso suferas la homaro, sed, kontraŭe, pro tio, ke ĝi estas progresinta tro rapide. Mi atribuas la nunajn manifestaciojn de disfalo al la fakto, ke la kreskado de l' industrio kaj de l' maŝinaro pliakrigis la batalon por la ekzistado ĝis tia punkto, ke ĝi difektas la liberan disvolvon de l' individuo. Al tiuj, kiuj kapablus eventuale fariĝi kondukantoj, mankas sufiĉe da libera tempo por sia disvolvo. Tute kontraŭa devus esti la efiko de la kresko de l' maŝinaro. Ĝi estus devinta malgrandigi la laboradon postulatan de l' individuo por provizi la bezonojn de la komunumo. Nur la mondo ne estas adaptiĝinta al tiuj ŝanĝoj. Kiel rezulto, senokupado kaj malkvieto febre marŝas tra la malfirma mondo. La homaro ekkomprenas, ke ĝia plej urĝa tasko estas la reporciigo de laboro.

Postkiam ni estos plenumintaj ĉi tiun reporciigon, ni povos readapti nian vivon, havigante al ĉiu individuo materian trankvilecon kaj sufiĉan liberan tempon. Vigligita per nova sento de trankvileco kaj libereco, energioj nun trolacegigataj kaj premegataj, oni liberiĝos en la individua animo. Ni tiam reevoluigos grandajn personeculojn kapablajn pliriĉigi nian kulturan vivadon. Tirante novan forton de l' individuo, la homaro tiamaniere retrovos sian ekonomian ekvilibron kaj spiritan sanon. La intenseco mem de niaj nunaj suferoj montras la decidon de l' socia organismo kaj de l' individuo liberiĝi de l' socia malsano.

Estontaj historiistoj klarigos la krizon, kiu premegas nuntempe la mondon, kiel simptomon de socia malsano, kaŭzita sole per tro rapida progresado de la civilizacio. Venkinte ĉi tiun infanecan malsanon, la homaro ekpenados por atingi sian antaŭdifinitan pli altan celon.

El la angla: *C. Rosen*

---

Hodiaŭ vespere la boatisto transportis veturanton al restoracio en Daioĵi-mae, Asakusa. Okaze de tiu ĉi veturo, li vizitis la gepatrojn de Ŝinsuke ĉe ilia hejmo, ne malproksima de tie, kaj post invito kondukis la patron ĉi tien; tio donis al li bonegan okazon, kian li povis esperi. Li ripete penis konvinki la maljunulon, kaj fine sukcesis gvidi la aferon ĝuste kiel estis dezirate. Estas preskaŭ neeble pardoni la knabon, kiu delogis la filinon de sia mastro, diris la patro, kaj la paro eĉ restas fore en malhonoro, tio signifas eĉ pligrandigon de lia kulpo. Se la gejunuloj sin mortigus pro malespero, la familio de la mastro perdus ununuran heredontinon kaj ne povus plu ekzisti, eĉ se lia patro mem siaparte rezignus en ĉagreno. Kiam li pensis pri tiu flanko de l' afero, li ne volis resti plu tro obstina kontraŭ ili, kvankam li scias, ke ne estas dece doni sian konsenton aŭ diri ion ajn, antaŭ ol la mastro prezentos sian opinion pri tio, ĉar tiel nepre devas esti. Tial, la patro permesis al si diri, ke se la homoj de Suruga-ja volus pardoni kaj forgesi lian kulpon, li estas preta doni la filon al ilia familio, eĉ se la familio de li mem ne ekzistos plu; ĉar li sentas, ke li devas konsideri unue la intereson de la mastro antaŭ la sia. Fakte, se li ne bezonus konsideri la bonajn servojn kaj ideojn de la boatisto pri la afero, diris la patro, li certe, laŭ la vorto de la boatisto, elserĉus sian filon, eĉ se li devus iri ĝis la plej malproksima ekstremo de la mondo, kaj disŝirus lin en pecojn. »Imagu mian maljunan koron,« — diris la patro kaj ekplor's malgraŭ ke li estas viro. Ĉe tio, Seiĵi provis lin kvietigi rimarkigante al li, ke li vidu la aferon de alia angulo, ol de kie li vidas nun.

»Pardonu, kian ajn malbonon via filo faris, — pro mi, — por ne makuli mian honoron,« apelaciis Seiĵi, laŭ lia vorto. »Se vi jam decidis tiamaniere, via pardono estas nun la sola afero necesa por fiksi la aferon, ĉar mi preskaŭ sukcesis konvinki la homojn de Suruga-ja. Kiam fine la konsiliĝo finiĝis kaj komenciĝis paca kunmanĝo, diris Seiĵi, li trovis okazon kaj petis la patron, ke li permesu venigi la junulon ĉi tien, kaj ke li vidu la filon por kune trankviliĝi en feliĉo. Tio estos bona okazo por la patro doni kelkajn vortojn al la filo, por ke li ne plu faru eraron. »Ne estus juste nek orde, fari tion nun ĉi tie,« diris la patro por insiste forturni la sugestitan ideon de Seiĵi, sed fine li tamen konsentis malgraŭvole plenumi lian peton. Do, li atendis kaj atendis tre longe; sed, ĉar Ŝinsuke malfruis, kaj ĉar la patro mem, ĉiam aferplena, precipe nun, kiam la jarfino estas tre proksima, sentis neeble sidi ĉi tie pluan tempon, li do hejmen revenis, laŭ Seiĵi, nur momenton antaŭ ol Ŝinsuke alvenis, malgraŭ la ripetita petego de la boatisto.

»Vidu, tia estas la koro de patro!« komentis Seiĵi. Kaj tiuj vortoj ŝajnis vivigi en la junulo akran senton pri sia kulpo kaj pri la maljuna koro, kiu

estas tro bona — preskaŭ revelacio, kia li sentis ĝin. Li mallevis la kapon, klinis sin sur la manojn, metatajn antaŭ si sur la mato, en teniĝo de humila dankemo; larmoj gutis sur liajn fleksitajn genuojn.

»Jen, tro parolante ni tute forgesis pri la tablo, rememoris la boatisto. Ni havu la plej grandan esperon; kaj dume ni tostu por la finsukceso. Ni drinku kore kaj sufiĉe! Estos bone havi gejŝojn, sed, ĉar vi estas tro bela knabo, mi ne devas aranĝi tiamaniere pli da enfalejo sur via vojo!«

Seiĵi preskaŭ devigis lin akcepti glason post glaso, el sia malavaremo; kaj la junulo drinkis multe. Li ne estis homo de tia speco, kiu kutimas ĝui la guston de alkoholaĵo, sed estis de speco, kiu neniom perdas sin en ebrio, kvankam li povas drinki tre multe; ĉio estis eble pro lia fizika forteco. Malgraŭvole li akceptis ĉiun glason proponitan al li rapide kaj sinsekve, kaj malpleniĝis ilin kun danko, pro sia respekto al la aero de la okazo.

Nun, la antaŭdiro de Santa komencis pruvi sin vera. La ĉielo plene nubiĝis antaŭ ol ili rimarkis. La formorton de la vento jam sekvis grandaj gutoj de pluvo, kraketante sur la tegmentpendaĵoj. Kaj jen ĝi kreskis en torenton kaj verŝe komencis fali, kvazaŭ la ĉielo kaj rivero estus unuiĝintaj. Dume iliaj voĉoj ofte perdiĝis en la akvofuriozon, kiu daŭris kun tia fortego, ke ili timis, ĉu ilia malgranda ĉambro ne ekskuiĝos. Ili tri ankoraŭ plu drinkis dum kelka tempo. Tamen oni ne povis vidi eĉ signon pri la malvigliĝo de l' pluvado.

»Jam baldaŭ estos la deka horo,« malpaciencis Seiĵi. »Ankoraŭ mi havas aferon kaj devas iri ĝis Koume. Sed kion fari en tia vetero?« Plendante li laŭte kunfrapis la manojn por venigi servistinon.

»Pardonu, Ŝin-don, ke mi nun iros antaŭ vi. Jam ne restas tempo, se mi ne rapidos per palankeno. Sed vi restu kaj ankoraŭ drinku kun Santa, kiom longe vi deziras.«

Kun tiuj vortoj li forlasis la ĉambron.

Ili restis poste ankoraŭ proksimume unu horon, atendante la ŝanĝiĝon de la vetero, sed Ŝinsuke fine konkludis, ke ili devus atendi tro longe. Dume li estis tre maltrankvila pro Cuja. Li do diris, ke li volas hejmeniri jam ne timante malsekiĝon. Estis proponite, ke li prenu palankenon, ĉar, Santa povis porti la ŝipeton al najbara boatejo kaj poste sekvi piede. Sed Ŝinsuke ne volis akcepti la proponon, insistante dividi kun li la sorton piediri en pluvego.

»Bone, ne estos tiel malfacile, malgraŭ ĉio,« diris Santa konsente. »Por bona piediranto ja estos negranda peno kuri ĝis Takabaŝi. Tie ĉi pruntepetu ombrelon, kaj suprenfaldante la vestorandon, ni kuru la vojon laŭ la rivero.«

Feliĉe, la vento ne forte blovis ekstere. Santa portis lanternon pruntedonitan de la restoracio, kaj preparis sin por la vojo. Ŝinsuke portis ŝnurligitan skatolon da manĝaĵo, donacotan al Cuja, kiel memoraĵon de la hodiaŭa festeneto. Ambaŭ alligis siajn getaojn al sia zono ĉe la talio, kaj kun piedoj nudaj ĝis la genuoj, ili forlasis la restoracion.

Nek unu, nek la alia parolis, ĉar ili donis sian tutan koron al la pluvtorento kaj mallumo, tra kiuj ili marŝis la vojon. Baldaŭ ili jam estis plene malsekaj ĝis la haŭto. Ĉe la fino de la ponto Rjoogokubaŝi ili sin turnis dekstren kaj venis antaŭ la loĝejon de grandsinjoro Hosokaŭa. Preskaŭ en la sekvanta momento Santa donis mallaŭtan vekrion, kaj lia lanterno blovestingiĝis; — tie, ĉe la rivero, la vento blovis tre forte.

Je tiu ĉi malfrua noktohoro troviĝis neniu por doni al ili lumon sur la riverborda vojo, kiu eĉ en ordinaraj tagoj estis soleca kaj forlasita, kaj nun tiom pli dezerta pro la ŝtorma pluvo. Post kiam la vento blovestingis la lumon, la mallumo kovris ilin kun mistera forto, kvazaŭ ĝi minacus ilin ensuĉi en sian nigran abismon. Kaj ĉu estis trompo de ilia propra koro? — la pluvo nun ŝajnis bati iliajn orelojn per pli intensa, forta kaj pli akra bruo.

»Mi naĝas bone en la mallumo, sed vi zorgu pri vi, Ŝin-don,« Santa kriegis averte. »Vi iom tro drinkis hodiaŭ nokte, ĉu vi scias?« Estis vere, ke li drinkis tre multe — ĉirkaŭ du litrojn, laŭ lia kormezuro. Santa kaj lia mastro, pro sia zorgemo al Ŝinsuke, ripete lin demandis, »Ĉu vi sentas vin bone?« Tamen li trovis sin en neniom pli malbona stato, ol ĉe la unua ekebriiĝo; liaj piedoj sentis la teron firme kaj certe ĉe ĉiu paŝo. Prefere lia kunulo bezonas sin zorgi, li pensis.

»Nenio danĝera al mi estas, — sed al vi estas, mi timas.« Li streĉis sian voĉon por kriegi responde. Sed tio eble perdiĝis en la plaŭdego de l' akvo, ĉar Santa ne donis respondon.

Kelkaj momentoj pasis en silento. Ili marŝis plu kvar aŭ kvin metrojn senvorte, kiam, tute abrupte, insulta voĉo kriegis tuj sub la nazo de Ŝinsuke.

»Fermu la buŝon, ebria porko!«

Ŝinsuke apenaŭ havis tempon rezoni, ke la provoko ne povas veni de Santa. Jen, tiumomente malvarma pinto de klingo ektuŝis lian ŝultron. Rapida forturno de la korpo savis lin de io serioza, li sentis. Sed subita paralizo trakuris la dekstran duonon de lia kolo, kaj supren; — mortosento, kvazaŭ li estus gratita de akraj ungoj, kaj duono de la vizaĝo sensentiĝis, kvazaŭ ĝi estus dehakita.

»Kiu vi estas? Parolu!« kriegis Ŝinsuke, penante firmigi la ŝanceliĝantajn piedojn por tuj forkuri.

»Porko stulta! Ĉu vi ne rekonas mian voĉon? Por nia ĉefo mi bezonas vian kapon, kaj do mi kondukis vin ĉi tien por ĝin akiri.« La atakanto antaŭensaltis por ataki sian viktimon, gvidate de lia voĉo.

Ŝinsuke fikse premis sian dorson al la stukita muro de la loĝejo dirita, kaj ĉirkaŭsvingis la tenilon de la ombrelo en furioza defendo. Du-trifoje li batforpuŝis la alian, kiu tamen rapide reatingis kaj bategis lin, — ie en la malsupra parto de lia korpo. La viro kaptante lin ĉe la brusto, sin alkroĉis firme al li, kaj penis batmortigi lin per la glavo, kaj liaj batoj, kvankam ne bone celitaj, estis tamen tre furiozaj. Poste neniu el ili memoris, kiel tio daŭris. Ili ĝemis, muĝis kiel du bestoj batalantaj unu kontraŭ la alia; malbenoj kaj insultoj hurlis aŭ tie, aŭ ĉi tie, dum ilia senespera baraktado daŭris en ŝlimo kaj akvo. Ŝinsuke kolektis ĉiujn fortojn al siaj ambaŭ brakoj kaj tordante la dekstran manon de la kontraŭulo, senpaciencis por forpreni la batalilon el lia pugno. Ili jen kuniĝis, jen disiĝis nur por denove kuniĝi en malespera furiozo, kaj dume Ŝinsuke eksentis sin tiel brava, kia li eĉ ne imagis sin antaŭe. Santa, kiu estis en pli malbona kondiĉo pro la drinko, nun komencis cedi antaŭ la pligranda muskolforto, kaj fine li lasis la glavon el sia mano. Sed ankoraŭ sentime li sin ĵetis kontraŭ Ŝinsuke. Jen, subite, en tiu momento Ŝinsuke ĵetegis lin teren, rajdis sur la korpo, batis lian kranion per la glavo, segis kaj gratis samloke ĝuste kiel rato skrapmordas oston. La viro tuj mortis.

*Daŭrigota* El la japana: *J. Ŝimomura.*

# Ilzite

— Antons Aŭstrinŝ —

Kiom da steloj, kies orbitoj kaj vojoj ne estas konataj al ni, brilas nevideblaj por niaj okuloj inter la Granda kaj Malgranda Ursoj, ne konsiderante la tutan vastan ĉielon! Same, kiom da homoj iras de unu vojkruciĝo ĝis la alia sur grandvojoj, vojoj kaj vojetoj nerimarkitaj, kvazaŭ mallaŭtaj ĝemoj de ventoblovo.

Mia patrino, kiu naskiĝis en alia distrikto, kaj jam dum multaj jaroj loĝis apud la grandvojo al Kalnatne, ankoraŭ ne konis ĉi tiun regionon kaj sentis sin izola inter malpacemaj najbaroj. Ŝi sopiris al sia gepatra domo kaj al la ĝin ĉirkaŭantaj arbaroj, kie ŝi naskiĝis, kreskis kaj pasigis sian fruan junecon kaj kie ankoraŭ loĝis ŝiaj gepatroj, blankharaj gemaljunuloj apud trankvila arbaro. Ĉiu sciigo kaj informo pri la gepatra domo kaj ĝia ĉirkaŭaĵo feliĉigis ŝin. Verŝajne la patrino pro tio estis afabla al la hejmlanda Ilzite, kiu unu fojon en iu vintra vespero tute hazarde venis en nian domon. Tio okazis ĉirkaŭ la Cindra Merkredo. Neĝo degelis kaj denove glaciiĝis. Ŝajnis, ke Ilzite venis tute nerimarkita, ĉar mi ne vidis ŝin enirant'a; nur kiam mi je vesperkrepusko enkuris la kuirejon, mi ekvidis, ke antaŭ la fajrujo sidas la patrino kaj kuraĝigas malaltkreskan fremdulinon, vestitan en griza plejdo.

»Venu do, Ilzite, ne timu kaj varmigu vin ĉe la fajrujo. Vi, certe, malvarmiĝis en vintra vojo. Jen la bloketo.«

Sed la alparolatino ne kuraĝis sidiĝi sur la bloketon.

»Ne... ne...« ŝi malkuraĝe ekparolis, sed finfine tamen eksidis, kvazaŭ timante la fajron, en kies lumo ekbrilis ŝiaj grandaj, trankvil'aj, rigidiĝin'aj okuloj en la pala vizaĝo.

Kaj nun la patrino ekdemandis la gastinon pri malnovaj amikinoj kaj konataj lokoj, kie antaŭe muĝis arbaro, sed kiun oni dehakis kaj sur ĝia loko konstruis farmodomojn.

»Ĉu en Vanagi — ĝi estas mia vera hejmo, ĉar poste la patro transloĝiĝis en Petereni, — ĉu tie ankoraŭ mastrumas la malbela Snikers, kiel tiam?«

Ilzite penis kvazaŭ ion rememori.

»Ĉu en Vanagi?... Tie estas granda meleagro kaj ĝi bekas homojn«...

Sed Ilzite ne kuraĝis eniri la farmodomojn, kiujn la patrino menciis, ĉar ŝi timis hundojn, malbonajn sorĉistinojn, aŭ havis alian kaŭzon.

»Ĉu vi vizitis la malnovan tombejon de Gravaine, kiu troviĝas sur la bordo de la rivero Ogre? Tie en la dua vico post la kapelo ripozas mia frato kaj apud li mia onklo Krustinŝ Priedite. Sur la tombo de la frato staras fera kruco kun surskribo Peter Gailit. La onklo havas nigran lignan krucon... Mi ne estis tie dum tridek jaroj...«

»Mi scias«, respondis Ilzite kaj kvazaŭ vekiĝis. »Tie estas bona berkolektejo. Kiaj sukoplenaj fragoj tie kreskas! Grandaj, grandegaj! Nenie oni povas tiajn trovi. Sed ne mi mem ilin manĝas. Mi vendas ilin al lia barona moŝto...«

»Ĉu vi berkolektante rimarkis, ĉu la kruco de mia onklo jam ne estas falinta? La frato havas feran krucon kaj ĝi verŝajne ankoraŭ staras«, demandis la patrino, jetante sekajn branĉojn en la fajrujon.

Ilzite feliĉe ridetis, kvazaŭ estus en iu alia mondo.

»Sur la bordo de Ogre troviĝas masonita tombo kun fera barilo«, ŝi diris. »En ĝi kuŝis iu nobelo, sed iunokte oni alveturis per nigraj virĉevaloj, prenis lin kaj forkondukis. Ses nigraj korvoj akompanis la veturantojn kaj la sepa sidis antaŭ la ĉerko. Nun la tombokelo estas malplena... Dum somera varmego tie estas malvarmete... oni povas enrampi tien...«

»Verŝajne oni ne plu enterigas mortintojn en la tombejon«, diris la patrino.

»Tre malofte«, respondis Ilzite kaj maltrankvile ekmoviĝis sur sia bloketo. »Sed nun mi devas foriri«.

La patrino deziris reteni la malfruan gastinon kaj promesis doni vespermanĝon kaj noktejon sur la varma mureto de la forno, sed Ilzite ne restis.

»Ne, ne«, ŝi rapide ripetis, envolvis sin pli firme en la plejdon kaj foriris.

La vespero estis malvarma. Ekbojis hundo, sed la patrino kvietigis ĝin. Ŝi akompanis Ilzite'n ĝis la grandvojo, ordonante al mi gardi la fajrujon.

Mi sentis strangan timon enirante la kuirejon, kvankam mi volonte tie sidadis vespere kaj hejtis la fajrujon anstataŭ la patrino, kiam ŝi kuiris vespermanĝon en la malgranda kaldroneto sur la tripiedo. Ŝajnis al mi, ke tie ĉi apud la patrino sidis la frostotremanta Cindrulino kaj postlasis sanktan timegon. Mi kvazaŭ vidis ŝin sidanta apud mi en krepusko, ĉar la fajro jam preskaŭ estingiĝis, kaj kiam mi ĵetis en la fajrujon novajn branĉojn, la fajro ekbrulis per duobla forto.

La patrino revenis post la akompano de la gastino. Ŝi diris, ke Ilzite estas malsaĝeta. Somere ŝi vagadas kolektante berojn kaj fungojn. Nun ŝi ekdeziris viziti sian parencinon en la farmodomo Liciŝi, sed devojiĝis.

»Estus bone, se ŝi trovus la farmodomon«, maltrankviliĝis la patrino. »Kvankam mi detale klarigis la vojon, sed estas jam vespero, kaj la loko estas fremda — ne, mi ne devis forlasi la malfeliĉulinon«, finis la patrino. »Kia belulino estis Ilzite en juneco, sed ŝi ekamis iun vagulon kaj li trompis ŝin kaj poste ekamaĉis alian virinon. Pro tio Ilzite malsaĝiĝis. En komenco ŝi ankoraŭ laboris, kiel antaŭe, sed poste neniu mastro deziris ŝin dungi. Tiam ŝi ekloĝis en arbaro. Okazas, ke dum la tuta somero neniu homo ŝin vidas, ĝis kiam ŝi mem subite aperas kun korbeto plena de fungoj aŭ beroj en la mano. Kion ŝi faras dum vintro, scias nur Sinjoro Dio«.

Mi suspektis, ke ŝi kredeble loĝas en la malplena tombokelo kaj mi eksentis timegon, kvazaŭ ŝi estus postlasinta la malseketon de sia tombo. Sed la kraketado de la fajro forpelis mian timon.

Pasis unu jaro post la Cindra Tago. La neĝo preskaŭ degelis. Ĉiuj riveroj jam liberiĝis de glacikovrilo.

Reveninte post la vizito de sia iama hejmo, la patrino rakontis, ke Ilzite dronis en arbarrivereto. Kredeble ŝi vagadis en mallumo, devojiĝis kaj falis en la riveron. La arbargardisto trovis ŝin kaj apenaŭ rekonis.

»Ne, mi ne devis ŝin tiam delasi«, finis la patrino rememorante, ke Ilzite foriris el nia domo en krepusko, kaj sentis kvazaŭ konsciencriproĉon.

Ankoraŭ nun mi vidas ŝin sidanta ĉe la fajrujo sur la ligna bloketo.

El la latva: *A. Kazoks.*



# OBSERVO

PRI I. BUNIN. La Nobel-premion ĉi jare ricevis la rusa novelisto kaj poeto Ivan Bunin, kiun la jurnaloj tiuokaze nomis »Turgenjev de la 20-a jarcento«. En la verkoj de Bunin efektive troviĝas trajtoj, kiuj rajtigas tiun komparon, sed ĉe tio oni tamen ne forgesu, ke la premiito laŭ sia vivkoncepto kaj literatura formo sendube apartenas al la pasinta jarcento.

I. Bunin naskiĝis en 1870 en Voronej kiel filo de malriĉiĝinta nobelo. Lia infaneco kaj juneco pasis en la medio de »la nobela nesto« (romano de Turgenjev), kiu por ĉiam influis lian verkadon. Kiel Turgenjev, ankaŭ Bunin debutis per versoj kaj kiam li estis 17-jara, aperis liaj unuaj poeziaĵoj. En 1894 aperis lia unua novelo, okaze de kio kritikisto Miĥajlovski skribis al la aŭtoro, ke el li fariĝos »granda verkisto«. Tamen liaj tiutempaj poeziaĵoj kaj lia unua novelaro (1897) ne vekis grandan atenton. Nur en la komenco de ĉi tiu jarcento li iĝis pli konata pro siaj majstraj noveloj kaj en 1909 li estis elektita honorakademiano. Bunin estas multe vojaĝinta en Afriko kaj Azio, trovante tie inspiron por sia poezio. Post la revolucio en 1917 Bunin forlasis Ruslandon kaj vivas nuntempe en Francujo, kie li aperigis ankoraŭ aron da rimarkindaj verkoj. (La amo de Mitja, La vivo de Arsenjev ktp.)

La poezio de Bunin okupas apartan lokon en la rusa literaturo. Malgraŭ liaj amikaj interrilatoj kun la simbolistoj, lia verstekniko estas libera de ĉia modernismo kaj fidele imitas la skolon de Puŝkin. La klarkonturaj strofoj de Bunin ne posedas tian vortsonorecon kiel tiuj de Balmont aŭ Blok. La versoj de Bunin plejparte estas trankvilaj eĉ malvarmaj, sed klasike perfektaj. Tre karakteriza estas la famiĝinta soneto »En la alpoj«.

La temaro de Bunin estas simpla: li priskribas la naturon, la vivon de l' bieno kaj kamparo, sed ankaŭ la amon kaj morton — senpasie kaj afere. Ju pli ekscitita estas la animo de la verkisto, des pli trankvile fluas liaj vortoj. Lia plej bona lirika naturpoemo estas la aŭtunpoemo »Folifalo«, dediĉita al M. Gorki (1903).

La epika talento de Bunin plene esprimiĝas en lia prozo. Kontraste al Turgenjev, kies herooj ankoraŭ kredis je la estonteco de la rusa nobelaro, en la verkoj de Bunin regas peza senespero; li klare vidas, ke la patriarka Rusujo, kara al li, vivas siajn lastajn tagojn. Li instinkte sentas teruron pro la senkompata atako de la kamparano, kies animon li pentras en sia granda novelo »Vilaĝo« (1910), kiun oni povas kompari kun la romanoj de Balzac kaj Zola el kampara vivo. En 1915 aperis lia plej konata novelo »La sinjoro el San-Francisko«, kiu estas tradukita en ĉiujn kulturlingvojn. La ĉefa motivo de la novelo estas la idea malpleneco de la nuna civilizo. La lasta verko de Bunin, lia ankoraŭ ne finita romano »La vivo de Arsenjev« plenas je freŝeco kaj delikata poezio. Bunin estas ankaŭ konata tradukisto: li estas tradukinta »Hiavatha« de Longfellow, »Kajno« de Byron kaj sonetojn de Mickiewicz.

Antaŭ la revolucio (1917) Bunin ne ĝuis grandan popularecon en Rusujo: la verkoj de Gorki, Andreev kaj Kuprin estis pli multe legataj. Nur dum la emigracio leviĝis lia stelo, kaj nuntempe apenaŭ troviĝas iu alia rusa verkisto (escepte Gorki), kiu estus tiom aŭtoritata por la okcidenteŭropa legantaro.

## DU JUNAJ KROATAJ POETOJ

Inter kroataj poetoj kiuj lastatempe atingis pli grandan publikan rekonon, menciindaj, estas du junaj: Dobriŝa Cesarič kaj Dragutin Tadijanovič.

La unua estis jam pli frue konata kiel kunlaboranto de kelkaj literaturaj revuoj kaj gazetoj, sed la plej grandan rekonon pro sia vera poeta talento li atingis en 1931, eldoninte poemaron sub la titolo »Lirika«, kiu baldaŭ ricevis premion de »Jugoslava scienca kaj arta akademio«.

La versoj de l' menciita poeto fluas facile kaj dolĉe, plenaj de ĉarmaj komparoj kaj juneca entuziasmo:

Dolĉe kvazaŭ sang' el vejnoj ruĝsangantaj
Fluas la versoj vivabundaj:
Eniras mondon plenaj de l' misteraj fortoj
Konsolas per esper', freŝigas per larmoj

*(Konsolo*

La diversenhava poemaro kiu samtempe montras vere emociitan kaj ĉiam vibrantan animon de l' poeto, konfuzis kelkajn kritikistojn, kiuj atakis la poeton pro lia ŝanceliĝo kaj malpovo iri »guŝtan vojon.« Sed Cesarič mem, en la poemo »Por la rememoro de Sergej Jesenjin«, bone klarigas malebleco por la poeto esti ĉiam la sama kaj kanti laŭ iu ordonita regulo. Poeta animo senĉese batalema, milfoje altiĝas kaj milfoje malaltiĝas: jen esperante, jen rezignante pri ĉio:

Inter la homoj-poetoj pri vivo
Rabistoj de l' ĝuoj el nokto kaj vino
Ekzistas kiuj kreskas falante
Kreskas falante kvazaŭ lavango.
Anim' ilia mortadas, mortadas
Por poste centfoje pli forte ekbrili
Kaj voj' ilia blankas, la pura
Kvazaŭ neĝvojo de la lavango.

Guste pro tia verkmaniero la poeto sukcesis doni vere artecajn socialajn poemojn pro kiuj la alia parto de kritikistoj lin konsideras ĝusta sociala poeto. Inter tiuspecaj poemoj substrekindaj estas »Antaŭurbo«, »Vagonloĝantoj« kaj »Mortintkuŝejo de l' plej mizeraj«.

Cesarič multe legis poemojn de malfeliĉa rusa poeto S. Jesenjin kaj pro tio malgraŭ lia poeta talento kaj matureco, ni tamen trovos kelkfoje kolorojn de l' jesenjinaj pejzaĝoj. Nu, mi diras: kelkfoje, ĉar ni erarus se ni nomus jesenjinaj, kelkajn poemojn kiuj gloras plugkampon kaj kamparanon. Tiuj estas verkitaj sub la influo de »rurismo«. Tiel mi nomis apartan direkton de l poetoj kaj prozverkistoj ĉe ni, kiuj okupiĝas per la motivoj el kamparana vivo, kaj provante trovi eliron el tiu hodiaŭa konfuzo de l' ideoj kaj spiritdirektoj havas ion similan kun ĉeĥa »rurismo«.

Cesarič, verdire, kantas pri la bonodoro de l' fojno kiu veturiĝanta sur la veturilo tra la urbo, memorigas pri la vilaĝo, sed li tamen ne prezentas al ni la penplenan vivon de vilaĝano tiel perfekte kiel Tadijanovič.

La poemaro »Suno super la plugkampoj«, surprizis multajn kritikistojn ne nur pro la belsona, lingve pura, libera versfarado, sed ankaŭ pro la kapableco per kelkaj vortoj multon diri:

Plugante patro mia pelkrias la ĉevalon antaŭ plugilo
Kaj eĉ ne rimarkis:
Ĉevala ombro sternis sin ĝis limo de l' plugkampo
Kaj dorso de ĉevalo treegee jen, vaporas
Kaj la vapor altiĝas al ĉielo
Kvazaŭ incenso el altpreza incensilo.

*(Matena stelo — orita nukso I.*

Ĉu vi ankaŭ ne eksentis malfacilan vivon de kamparano kiu eĉ tempon ne havas por ĝui la puran belecon de l' naturo?!

Tadijanovič estas studento, filo de vilaĝano kiu veninte en la urbon tamen eksentis, ke nur lia korpo vizitis urbon. Lia koro restis hejme, en la vilaĝo kie troviĝas la vera signifo de la vivo. Studado ne kontentigas lin, eĉ doloriĝas, ĉar perdita estas la animtrankvilo. Kiam lia patro mortis, li eksentis sin eĉ pli malfeliĉa kaj kantas triste:

Vi kuŝas, paĉjo, en tombej' de Rastuŝje.
Nokto super vi flugilojn sternis larĝe;
La nokt' en kiu ostoj viaj nun ripozas;
Ne plu leviĝas frue, ne iras vi en stalon,
Por meti al ĉevaloj fojnon en fojnujon

Ne zorgas mi ja, familion fondi
Vizaĝ' mia ne brilas pro feliĉo hejma:
Patra domo mia fore de mi pereas.
*(Mi jetas koron sub la fremdaj plandoj II)*

La menciita »rurismo« montrante antitezon inter la urbo kaj vilaĝo, trovis tre bonan interpretanton en la persono de Tadijanović. Malgraŭ sia juneco li sukcesis poeme konfesi sian maltrafitan vivcelon:

Se vi ne sendus, paĉjo, min en la lernejon
Delonge mian edzinon mi jam havus:
Kaj ankaŭ du tri filetojn malgrandajn
Ŝovelus mi printempe, plugadus kaj falĉus
Aŭtune brandon farus kaj luktus mi ebria kun mia najbaro.
Sed nun mi koron jetas sub la fremdaj plandoj
Konatul' balancas sian kapon
Dirante: jen, stultulo.
*(Mi jetas koron sub la fremdaj landoj II)*

Malgraŭ sia sinjoreca vestaĵo, la poeto anime restis nur kamparano, kiu ankaŭ malproksime de la vilaĝo aŭdas ke la tero lin vokas:

La tero min vokas, la tero vokas, mia panjo
Malfermas kore pordon, la nigran, grandegan
Atendas eniron mian, en ĉambron ĝian tre simplan
En ĉambron sensunan, kvietan.
*(La tero min vokas)*

En la menciita poemaro estas ankaŭ »Balado pri la buĉitaj ŝafoj« antologia poemo kie vi trovos en kvar versoj grandegan doloron kaj tragedion, la flegmon de l naturo kaj sangsuĉemon de la homo:

Dum tagiĝ' la paŝtistino palvizaĝe pelas
Dek du ŝafojn silkolanajn deklivsuben,
En urbon dorman vendi ilin al buĉisto sata
(Fronte ŝafoviro, iris volvokorna)
Rigidaj okuloj — lanaĵo sagverŝita — rompitaj kruroj
Aperas sun' post la dekliv' — Hejmirante
Aŭdas ŝajne paŝtistin', en for raŭkan blekadon
'Kampar' rosherba brilas sub la suno.
*(Esenceto).*

(Q) SUPERAS MIL PAĜOJN la nova romano de *Werfel*, kaj tiuj pli ol mil paĝoj verŝajne fortimigos ne malgravan parton de la legantoj. Du egaj volumoj admonas la homojn je pripensado; estas ja tre dube en la hodiaŭa servuto-vivo, kiam oni alvenos la finon de la du volumoj. Kvankam la laboro — se oni rajtas nomi laboro la ellegon de tiu grandioza romano — valoras la penon.

*Die vierzig Tage des Musa Dagh* (La kvardek tagoj de la Musa Dagh), jen la titolo de la romano kaj jam nun ni devas perfidi ke ĉi tiu Musa Dagh ne estas viro, sed monto. Tiu monto kuŝas sur la Armenia limo kaj famiĝis en 1915 pri la kvardektaga lukto de la armenaj ribelantoj kontraŭ la turka invado. Werfel priskribas la legendiĝintan historion de tiuj kvardek tagoj. Li mem travagis antaŭ kelkaj jaroj la sango:aturitajn regionojn kaj surpaperigas nun la tiamajn impresojn.

Tre delikata kaj kolorriĉa mondo viviĝas antaŭ ni pere de la plumo de l' verkisto; mondo, kiun ni ne nur ne konis, sed pri kiu ni grandparte eĉ ne aŭdis. La liberbatalo de la armenoj kroĉiĝas al la monto Musa Dagh, kiu pitoreske altas sur la ebenaĵo de Antiokio. Kvinmil homoj luktis tie kontraŭ la turka pliforto dum tiuj kvardek tagoj kaj la lukto riĉas je epizodoj de individua heroeco kaj popola sinofero.

Legante la priskribon de Werfel pri la interplektitaj bataloj, grandaj-etaj luktoj, ni rememoras pri la Iliado. Kompreneble ĉio ĉi ne estas facila legaĵo, precipe ĉar la majstro volonte enprofundiĝas pri la strategiaj kaj historiaj fakproblemoj. Sed indas sekvi Werfel sur la malfacila vojo, ĉar ĉiupaŝe ni trovas la arton de tiu vera poeto, kiun ni ekkonis antaŭ jaroj okaze de la libro »Der Abiturententag.«

En la centro de la historio staras Gabriel Bagradian, gvidanto de la armenaj ribelantoj, kiu oferas karieron, familian vivon kaj ĉiun ceteran komforton por povi gvidi la sendependo-militon de sia popolo. Bagradian pasigas longajn jarojn en Eŭropo, edziniĝas riĉan parizan fraŭlinon, kaj kredas esti definitive asimiliĝinta al la eŭropaj cirkonstancoj. Sed ne eblas rifuzi la vokon de sango. Kaj kiam post longa foresto li venas hejmen, li vidas, ke vanas ĉiuj suprajaj kaj eksteraj rilatoj, vanas geografiaj kaj tempaj distancoj: vidante sian patrujon en danĝero, li senpripense dediĉas sian tutan forton kaj talenton por helpi Armenion, malgraŭ ke multon li riskas. Antaŭ ĉio forlasas lin la edzino, trodorlotita, iom facilanima pariza virino, al kiu ĉio venas en la kapon escepte la oferon de siaj komforta vivo kaj distraĵoj por konfuzaj liberideoj. Poste li perdas ankaŭ sian filon kaj sola staras en la momento eble plej malfacila de sia vivo.

Estas kruda lukto, kiu tempestas dum kvardek tagoj ĉe l piedo de la Musa Dagh. Kiam la militistoj laciĝas, aperas la memvolaj trupoj de la paca loĝantaro, virinoj, maljunuloj kaj infanoj. Per armiloj, kaj kiam la municio jam elĉerpiĝas, per nudaj du manoj, ĝis la lasta spiro ili defendas la tradician naskoteron de siaj prapatroj, malgraŭ ke — kaj la klarviduloj scias tion ekde la unua minuto — ĉi tiu lukto estas senŝanca. Ĉirkaŭita de miloj da malamikaj trupoj, sen ia espero de rezervtrupoj kaj helpo, ĝis kiam povus sin teni eĉ tia heroa memofero? Jam ĉio aspektas senŝanca kaj ĉiu ano de la memvolaj trupoj preparas sin al la heroa morto, kiam sur la horizonto aperas la fumo de francaj militŝipoj kaj la fumo signifas la savon de la defendantoj. Sed Bagradian ne fuĝas. Li restas sur la loko, kien la sorto lin starigis kaj tie murdas lin malfrua turka kuglo.

Jen la historio, kies fluo kompreneble ofte alternas kun epizodoj kaj kun granda aro de pli-malpli gravaj figuroj. La epizodoj eble ne apartenas strikte al la historio de la Musa Dagh, sed refreŝigas la leganton laciĝintan pro la kelkloke longema tekstado. La libro verŝajne atingus pli grandan publiko-sukceson, se Werfel estus kuntirinta je sola volumo la eventojn de la armena liber-batalo. Tamen, tiel la libro sendube estas pli granda poeta plenumo, kaj inter la mil cent paĝoj troviĝas ĉirkaŭ 15—20, kiuj ankoraŭ longe sonoras en la animo de la legantoj. 15—20 paĝoj: tiun kvanton oni ne konsideru bagatelaĵo. Ĉar nuntempe la eŭropa leganto ne estas tiom dorlotita, ke pro 15—20 neforgeseblaj paĝoj li ne opiniu inda la ellegon de du dikaj volumoj.

LA DORMANTA PASTRO. Du sinjoroj venas en la klubon — ekstere malvarmas, frostventas — ili sidiĝas, mendas trinkaĵon kaj komencas babili. La unu, d-ro Contis, venas de enterigo. Oni entombigis la gloron de la kuracista fakultato, la naŭdekjaran d-ron Marshall. Ili parolas pri la mortinto. Li havis strangan, interesan familian historion — diras d-ro Contis kaj ekrakontas ... Ĉeestas ankaŭ tria sinjoro — pastro, kiu dorsapoge sidas en la komforta klubfotelo kaj neŝanceleble dormas, eĉ, de tempo al tempo tempeste ronkas. De tie la titolo de l' teatraĵo: A sleeping clergyman. Aŭtoro: *John Bridie.* La dormanta pastro neniel koncernas la aferon, li ne partoprenas en la agado, havas nenian rilaton al la rolantoj. Mi kaprompis dum la tuta vespero: kion signifas ĉi tiu titolo kaj rolo? Eble simbolo? Pri tio nenia signo. Poste mi demandis la reĝisoron, bonan amikon de la aŭtoro, kion signifu ĉi tiu figuro, pri kiu la teatraĵo estas titolita. Li ne sciis. Tagojn poste mi interesiĝis ĉe fama, kritikisto. Ankaŭ li ne sciis tion klarigi. Tamen, la titolo kaj tiu tute superflua figuro apartenas iel al la teatraĵo, donas al ĝi nedifineblan kaj neniel solvitan gravecon, ni emas trovi en ilia bizaro kaj nemotiviteco strangan geston de l' aŭtoro kaj tio bone akordas kun la neĉiutaga historio.

Mi ŝatas tian malrealon en la arto. Neniu arto laboras kun plena sobro. La kerno de la arto estas same mistera kiel tiu de la vivo. Ne malutilas, se la artisto tion indikas kelkfoje. Iom da frenezo malkovras iafoje pli multe el la vivmistero ol klarigado logikega. Teatro ludata de saĝaj

infanoj al saĝaj plenaĝuloj estas kelkokaze terure seka kaj senviva.

Kompreneble strango kaj eta frenezo ankoraŭ ne sufiĉas. Necesas ankaŭ talento, fantazio kaj kapablo kompreni la grandajn rilatojn. Ĉe tiu ĉi aŭtoro ni trovis ĉion — unu el la verkoj pleje admonantaj je pensado ni vidis. Kaj malgraŭe, aŭ ĝuste graŭe, ĝi havas grandan sukceson. John Bridie estas pseŭdonimo, la aŭtoro nomiĝas d-ro Mavoor, kuracisto en Glasgow, jam ne tute juna, kaj ĉi tiu estas lia kvara verko. Kredeble li baldaŭ famiĝos ankaŭ eksterlande. Nun retro al la teatraĵo, kiun d-ro Contis resumas dum la muziko de la pastra ronkado.

La unua bildo scenas en 1867, en la ĉambro de la juna bakteriologo Cameron. Tiu junulo estas morte malsana, li estas en la lasta stadio de tuberkulozo. Tion li ankaŭ scias de sia amiko kaj kuracisto, d-ro Marshall. Se li li veturus al la marbordo, eble li sukcesus plilongigi sian vivon ... Eble. Kaj tiel, kiom da tempo mi havas? — demandas Cameron. Kelkajn monatojn — respondas la kuracisto. Cameron kredas sufiĉa tiun tempon por fini siajn bakterologiajn malkovrojn. Ĉar tiu homo estas geniulo kaj fariĝus mondfama scienculo, se la malsano kaj la supererotiko kaj krimemo, devenantaj eble el la malsano, lin ne ruinigus. Tio kaŭzis, ke li delogis la fratinon de sia amiko kaj kuracisto. Ŝi senesperiĝinte aperas ĉe li kaj petas lin pri ŝia edzinigo, ĉar ŝi havos infanon. Ili interdisputas, la knabino deĵetas en sia kolero la bacilokulturojn. Cameron mortas antaŭ niaj okuloj pro la eksterordinara ekscitiĝo. La historio vere bone komenciĝas.

Sed ĝi daŭras ankoraŭ pli kruele. La infano (knabino) naskiĝis — la patrino mortis — la bona d-ro Marshall alprenis la infanon de sia fratino. La knabino heredis la facilan karakteron de la patrino kaj la senbridecon de la patro. Ŝi senpripense oferas sin al la juna servisto de sia onklo. Poste ŝi ekamas leŭtenanton, volas geedziĝi kun li, sed la servisto ĵaluzas kaj minacas per malkovro. Wilhelmina venenas la junulon. Oni sukcesas ordi la aferon, la junulon oni deklaras memmortiginto, sed Wilhelmina naskas ĝemelojn post ses monatoj kaj nelonge poste mortigas sin. La bona d-ro Marshall — kion fari — alprenas kaj edukas ankaŭ la infanojn de Wilhelmina.

La ĝemeloj, kiel tio devis okazi laŭ la heredo-teorio, fariĝis ne multe ŝatindaj infanoj. La sekvanta akto okazas en 1907; ĝi montras la junan Cameron (nepo de tiu Cameron en la unua akto), kiel sentaŭgan, facilaniman bubon. Li kaŭzas multegajn misaĵojn al sia adoptinto, kiu ĝuste nun devas reliberigi lin de la policejo, kien li venis pro ebrie faritaj friponaĵoj. Ankaŭ la knabino, Hope, estas malagrabla estaĵo, tro rektvorta kaj nervoza. Sed poste evoluas ilia vera karaktero. Bonaj kaj misaj ecoj luktas en la homo kaj ĉiuspecaj talentoj hereditaj dum generacioj: — la demando estas: kiu fortiĝos sub influoj ĝis nun ne malkovritaj. Kaj kiel evoluas, rezulte de la kemiaj procezoj de la korpo, la ekstera strukturo de la homo, same la animo, la karaktero, la talento travivas tiajn sekretajn ŝanĝojn, ĝis ili ricevas siajn definitivajn formojn. Kaj estas granda problemo, ĉu la hereditaj perversaj ecoj ne pli bone determinas la evoluon de talentoj kaj genioj ol la ordinara, sana nervokonstitucio. Jen, Cameron ekinteresiĝas pri la bakteriologiaj problemoj de sia avo, kaj kion la frue mortinta avo ne povis, tion nun efektivigas la nepo. Li faras grandajn malkovrojn, kiuj okaze de granda epidemio — la proksima akto okazas en la estonto — savas la homaron de grava, ĝis tiam nekuracebla malsano kaj Cameron fariĝas unu el la plej grandaj. Hope, per sia alta intelekto, gvidrole funkcias en la internacia popolparlamento de l' estonto.

Tiel finiĝas la teatraĵo, kiu tuŝas forte aktualan temon. Laŭ la modernaj principoj de la eŭgeniko, la senorda familio Cameron devus esti sterilizata tuj en sia unua viro. Sed tiel ne estiĝus en la tria generacio la geniulo, pli utila ol la ordinara hompliiĝo de dekmiloj.

Kompreneble teatraĵo, kie la aŭtoro laŭplaĉe formas la historion kaj rolantojn, ne estas scienca argumento por aŭ kontraŭ iu teorio. Sed ĉi tie la aŭtoro tiamaniere pruvas, ke li malkovras multajn verojn. Kaj ni kredas liajn historion kaj figurojn, ne nur, ĉar li, bona poeto kaj verkisto, donas veran vivon al ili, sed ĉar interna vero verŝajnigas la tuton. Se vi, eŭgenikistoj, ekstermas la strangon, la malsanon, la senordon, la frenezon el la homa gento, ne certas: ĉu vi ne murdis la grandajn profetojn, filozofojn, poetojn kaj inventistojn de la estonto el kiuj *unu* pli valoras sur la vojo de progreso kaj ekkono ol granda amaso de ordinaruloj, kiuj kapablas nur digesti, generi kaj en la militoj murdi, konsekvence de iliaj normalaj instinktoj. Se veras, ke la homo devenas de simio, certas ke lia praulo ne estis normala simio — kies posteuloj eĉ nun saltadas sur la arboj — sed ia stranga, eble freneza simio, kies difekto en siaj cerbo kaj nervoj kreis la konscion, la plej grandan ŝarĝon, sed samtempe la plej grandan trezoron de l' homaro, ĉar per ĝi li ekkonis sin mem kaj la mondon kaj klopodas preni en la propraj manojn la direktadon de sia sorto.

*Q.*

## Funebra sciigo

La serio de tiuj doloraj perdoj, kiujn la esperantistaro suferis per la morto de s-anoj Grosjean Maupin kaj Felikso Zamenhof, senindulge kaj kruele daŭris plu en la lastaj semajnoj.

Kun la plej granda animtuŝiĝo ni sciiĝis plej laste pri la morto de s-roj

Alessandro Mazzolini
Henri Sentis
Leono Zamenhof

En la nuna numero ni povas esprimi nur nian konsternan kortuŝiĝon de tiuj ĉi doloraj informoj. En la sekvaj numeroj ni klopodos laŭeble pritrakti kaj taksi la meritojn de l' karmemoraj foririntoj.

*Literatura Mondo*

(X) UPTON SINCLAIR: ROMA VIZIO. La plej juna filo de la eminenta amerikana familio, *Faber Luke*, ekiras por rapideckonkuro per sia proprefabrikita sportaŭto, la »Kometo«. Dum la tago antaŭ la konkuro lin atingas multe da incito: la laborista striko atingas danĝerajn mezurojn kaj la superruzo, projektita per Luke kaj liaj amikoj, ricevas tragikan finon: oni mortbatas iun laboristestron. Dume la junulo konatiĝas kun iu fanatikano de la laborista-movado: kun la belega fraŭlino Penny. Tiu ĉi renkonto konfuzas la knabon, kiu ĝis nun apud la amikino kaj fianĉino tute ne sciis, kio estas la vera amo. Tiuj ĉi multaj neatenditaj incitoj faras, ke lin atingas akcidento dum la vetkuro. Li elfalas el sia aŭto kaj suferas cerboskuiĝon.

Dum tri semajnoj li kuŝas senkonscie kaj dume — per neklarigebla miraklo — li precize travivas ĉion, kio okazas en la urbo, sed la tutan — en la kadro de Romo en 138. antaŭ Kristo. Li ja ĉiam multe sin okupis pri la antikva roma mondo per sia onklo, kiu konatigis al li detale la klasikan epokon jam en la infanaĝo. Upton Sinclair montras, ke la tono, spiritaj movadoj kaj okazaĵoj de la tiama Romo estas fantazie identaj kun la mondo de la hodiaŭa Ameriko. La historio ĉiam ripetas sin. — ĉu venos ankaŭ en Ameriko Cezaro, Aŭgusto, Nero? — li faras la demandon. La mondpotenco de Romo pereis, kio okazos al Ameriko? — Krom tiu ĉi historia problemo signifas ankaŭ kuracistan problemon la afero de Faber Luke, kiun priskribas eksterordinare, rave en sia atentostreĉa romano la eminenta amerikana aŭtoro.

## Vortoj netroveblaj en la Plena Vortaro

*acerba:* mukmembran-adstringa; *bobelo:* aerveziko; *dura:* malmola, *evento:* ne malgrava okazaĵo; *fotelo:* brakseĝo; *frondo:* verda branĉo; *getao:* japana ŝuo; *jaro:* speco de florvazo; *pinastro:* speco de pino; *sturmi:* kuratakі; *ŝpico:* speco de hundo; *ŝutro:* fenestrokovrilo; *trista:* malgaja.

